XXI[a] jaro. N° 294 (2) ☆ Monata ☆ Februaro 1925

# ESPERANTO

Oficiala organo de UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

JARA ABONO

| | |
|---|---|
| Simpla abono | 10.— Fr. Sv. |
| Kun la membreco de UEA | 12.50 Fr. Sv. |
| Unu numero | 1.— Fr. Sv. |

*Svisa poŝtĉeko I. 2310. — La abonoj komenciĝas en januaro*

REKLAMO

| | |
|---|---|
| Anonco (unu centimetra kolonero) | 2.— Fr. Sv. |
| Anonceto (1 linio: 10 vortoj) | 0.50 Fr. Sv. |
| Korespondado (1 enskribo) | 0.75 Fr. Sv. |

*Vidu naciajn prezojn en la koncerna fako!*

FONDINTO: HECTOR HODLER GVIDANTO: D-ro EDMOND PRIVAT

ADRESO DE LA REDAKTEJO KAJ ADMINISTREJO: 12, BOULEVARD DU THÉÂTRE, GENÈVE

*La Redaktejo ne povas resendi manuskriptojn. Lasta dato por ricevo: la 15a de ĉiu monato. Oni skribu tre legeble kaj konservu kopion.*



## La animo de nia movado.

Kelkaj legantoj de nia gazeto skribis al ni gratulante pri teknikaj, sciencaj aŭ komercaj eldonoj kaj ĝojante pri la serioza progresado de nia movado sur tiuj kampoj, sed ili aldonis: ne forgesu la internan ideon de esperantismo; ĝi estas ja la koro kaj inspiro de la tuta afero.

Tute pravaj ili estas. Se ni ĝin forgesus, ni devus nin mem demandi kial labori, kial oferi, kial instigi aliajn al samo. La „interna ideo" estas ja samtempe la fina celo de D-ro Zamenhof kaj nia komuna inspirilo: alproksimigi ne nur la cerbojn, sed efektive la korojn de l' homoj diverspopolaj.

Ni ĉiam sentis, ke nia lingvo, per sia vivo mem kaj per sia disvastiĝo en la mondo, disportas tiun tuthomaran konscion kaj kreskigas ĝin en individuoj eĉ sen aparta priparolo. Ĝi posedas kaj dissemas tiun trezoron, kiu ĝuste mankas al la Ligo de Nacioj, ankoraŭ tro diplomata: la animon interpopolan. Tion ĝi faras eĉ silente same kiel nova freŝa fonto iom post iom dispenetras sekan valon kaj de kampo al kampo aperigas la verdon tie, kie grizaĉis dezerto.

Ĉu tio signifas, ke ni devas neniam aludi tiun temon aŭ kuŝi ĝin kvazaŭ amon intiman aŭ sekretan religion? Ĉu ni intencas tion? Ne. La freŝa travidebla fonto, eĉ akvumante la maizan plantejon, rajtas rememori la puran arĝenton de l' neĝo sur la montoj apud la ĉielo. Tion ĝi prikantas en sia fluada bruetado. Nia komencanta literaturo perdus ja ĉiun signifon, se ĝi ne scius esprimi ĝuste la novan homaran senton propran al nia lingvo.

Ankaŭ ni mem perdus la direkton, se ni ne havus konstante la okulojn fiksataj sur nia vera celo. La detaloj de nia klopodado nin dronigus en naŭzo kaj laco, se ni ne povus rigardi de tempo al tempo al la vasta pli nobla horizonto. Tial nia Majstro deziris kaj ni ĉiuj atentas, ke niaj universalaj kongresoj ĉiam malfermiĝu sub la standardo de nia alta idealo.

Zamenhof ankaŭ deziris, ke la kongresoj mem iom post iom diskutu la kondiĉojn por realigi tiun idealon en la mondo. Ankaŭ tion ni ne devus forgesi. Sed dum la jaro, ekzemple en tiu ĉi gazeto, ĉu ni devus pritrakti tiun temon iom detale? Ĉu ni devus malfermi la paĝojn al la idealistoj, kiuj havas ion precizan por proponi al la homoj por antaŭenmarŝi sur la vojo de spirita progreso?

Du legantinoj proponis, ke ni kreu apartan rubrikon por tio. Kial ne? Sed tiam la verkantoj restu pozitivaj kaj inspiritaj per amo, kiel nia Majstro, neniam per malamo. Aliaj gazetoj ekzistas por trakti la temojn de socia liberigo, politika batalado aŭ religia diskutado.

Tie ĉi ni volas aŭdi nur pri pozitivaj rimedoj akceli harmonion inter homoj per kompreno, per edukado, per spirita plialtiĝo super egoismoj naciaj aŭ aliaj. La esperantistaro rajtas ankaŭ pensi, ne nur penadi. Se iam kreiĝas efektiva homara civilizo, ĝi prenos sian animon el nia movado. Ni do rajtas kaj devas kulturi ties lumon.

*Edmond Privat.*

# Radio — Genève estas fondita.

La societo por disaŭdigo Radio-Genève estas fondita kaj ricevis oficiale de la registaro per dekreto de 27 Januaro 1925 la disponigon de la nuna Ĝeneva radio-stacio por komenci regulajn programojn de radiofonio ĉiutage depost la mezo de Marto. Oni nun riparas la radio-stacion por ĝin plibonigi kaj oni ĝin interligos per fadeno kun aparta muzikejo ĉe la Ĝeneva Konservatorio kaj diversaj koncertejoj en la urbo.

La sidejo de la Societo estas fiksita ĉe 12 Boulevard du Théâtre. La komitato konsistas el D-ro Edmond Privat, prezidanto; S-ro Maurice Rambert, vic-prezidanto; S-ro Paul Bouvier, komitatano de UEA, kasisto; S-ro de Rabours, svisa parlamentano; S-ro Edmond Odier, bankisto; S-ro Reut, vicprezidanto de la Svisa Radio-klubo; S-ro Trachsel, direktoro de la Ĝeneva Turisma Oficejo.

La Ĝeneva Ŝtato oficiale protektas la societon kaj proponis al ĝi senpagan salonon kiel konstantan elsendejon en unu el la ŝtataj konstruaĵoj. La Ŝtato ankaŭ akceptis, ke en la statuto unu artikolo fiksu Esperanton kiel la oficialan helpan internacian lingvon por la disaŭdigoj eksterlanden.

Nenio estus pli ridinda ol paroligi radio-stacion la tutan tagon en Esperanto. La publiko tiam ne aŭskultus ĝin. La Ĝeneva stacio parolos france (la lingvo de Genève) kaj antaŭ ĉio muzike, sed regule, je certaj horoj, ĝi resumos novaĵojn en Esperanto por la eksterlandaj aŭdantoj tiamaniere ke la publiko, eĉ loka, alkutimiĝos al ĉiutaga aŭdado de esperanta parolo. Tiom pli volonte ĝi sekvos la kursojn de nia lingvo, kiujn oni ankaŭ elsendos kompreneble.

Nu, tio estas la komenco kaj oni vidos ĝis kiu distanco la nuna plibonigata Ĝeneva stacio estos aŭdata. Certe ĝi restos ankoraŭ ĉefe regiona. Tial ni petis ĝis nun nur la svisajn subskribintojn, ke ili pagu la promesitajn sumojn kaj mendu siajn akciojn. Kore ni dankas S-inon Diekmann-Grasset, F-inon Alice Diekmann, S-inon Burville-Grasset, F-inon Crisinel, S-inon Montandon-Vaucher, S-ron Jules Wolf, S-ron Paul Bouvier, S-inon Sing kaj la Esp.-Societon en Zürich pro ilia kuraĝiga financa partopreno.

Por ke nia Societo prosperu kaj estu baldaŭ kapabla mendi multe pli potencan radio-stacion, aŭdeblan en tuta Eŭropo, estas necese ke ĝi faru bonan komencon kaj donu tuj belajn programojn por allogi la publikon kaj kreskigi la ŝtatan subvencion kun la nombro de aŭdantoj. Nia malgranda kapitalo de dekkvin mil svisaj frankoj estas tro modesta por tio. Tial ni estus dankaj, se jam multaj ĉiulandaj samideanoj tuj aĉetus siajn akciojn pere de U E A, komisiante al ĝi sian voĉdonrajton en la Societo. Eĉ duonajn akciojn je sv. fr. 50.— aŭ kvaronajn je sv. fr. 25.— oni povas mendi, sed tiam sen procento.

La procento sur plenaj akcioj estos fiksata ĉiujare de la Societo laŭ la enspezoj. Ni celos, ke ĝi atingu 5 aŭ 6% post la unua jaro. Tial ni tre petas ke oni subtenu la aferon per tuja partopreno, por ke la Societo ne bezonu pruntepreni ĉe banko. Kiu helpas frue, helpas duoble.

*Edmond Privat.*

# La proceso de l' arto.

De *Ernest Archdeacon.*

Mi nepre naskos indignajn protestojn, speciale inter tiuj, kiuj nomas sin artistoj, kiam mi defendas tiun tezon, ke la arto estas revo, iluzio, sen iu realeco, kaj uzado tute neŝatinda de la homa agemeco. Ĝia progresado ĉe iu nacio, malprofite al la scienco, estus multe pli signo de degenerado ol de progreso.

La homo ĉiam penadis por plibonigi siajn vivkondiĉojn sur la planedo, tre ofte malgastigema, en kiu la sorto devigis lin vivi. La scienculoj, ne kontentigitaj per malrealaĵoj, esploradis la murojn de sia karcero, esperante, per pacienca kaj metoda laboro, ĝin plibonigi. Fakte, ili iom sukcesis, kiel pruvis tuj konstateblaj rezultatoj kiel la plilongigo de l' vivo, la kreskigo de la komforto kaj de la terproduktado.

La artistoj kontraŭe ne konas la metodajn serĉadojn, ili nur tradukas per la peniko, la skulptilo aŭ la plumo siajn personajn revojn, kaj ili falas en tiun evidentan frenezecon, ke ili volas altrudi al la aliaj tiujn tute personajn konceptojn.

Kiel iu kritikisto povis iam elparoli kune tiujn vortojn kiujn estas tute absurde kunigi: „la reguloj de l' arto"? Sed arto neniam havis, nek povos havi regulojn: ĝi ĉiam prenos malsamajn formojn laŭ la malsamaj cerboj en la homaro. Estas tiel neeble kaj mallogike fari kritikojn pri arto, kiel pri prefero al iu virino aŭ iu sporto.

Ĉiuj artpasiuloj estas aro da halucinaciitoj: ili estas, en tiu fako, kompareblaj al la turnantaj fakiroj, kiuj, sekve de religia ekcitado kaj spirado de ebriigaj parfumoj, fine turnadas kiel siaj kolegoj, ne komprenante nek sciante kial.

Estas vere amuze vidi hodiaŭ la pensmanieron de la samaj homoj, kiuj iam tiel energie mallaŭdis Wagner, kiam oni provis konigi lian muzikon en Francujo, kiuj poste juĝis lin unu el la plej grandaj muzikaj genioj en la homaro, kaj poste, denove, neis lian genion, ĉar li faris la krimon esti de germana deveno.

Oni konstatis analogan komedion kun la muzikisto Bizet okaze de la sensacia malsukceso de „Carmen", kies senegalan artan meriton hodiaŭ ĉiuj proklamas.

Kaj la malfeliĉa pentristo Millet? Liaj pentraĵoj trovis neniujn aĉetantojn dum multegaj jaroj, kaj li fine mortis en la mizero, dum nun la samaj pentraĵoj, kiel ekzempe „l'Angelus", estis venditaj po unu miliono da frankoj kaj eĉ pli.

Kaj Meissonier? Liaj samtempuloj proklamis la admirindegan talenton, dum preskaŭ ĉiuj nun ĝin energiege neas. Se la arto havus realan ekzistadon, ĝi havus regulojn kaj leĝojn, antaŭ kiuj devige sin klinus ĉiuj; oni ne pli povus diskuti la belecon de tiu arta verko ol la kvadraton de l' hipotenuzo. Kaj kontraŭe ni ofte vidas la artamatorojn dividitaj en du partoj, tute neakordigeblaj.

Ekzemple pri la pentristo Bouguereau unu duono de Francujo deklaris, ke li havas grandegan talenton, kaj la alia duono, ke li havas neniun. La sama malkonsento okazis pro la poeto François Coppée. Nun, kiam ambaŭ estis mortintoj, la malkonsento inter partianoj kaj mallaŭdantoj pli ol iam daŭrigas.

Estas mirinde, ke multaĵ artistoj ne ofte senamiĝis pri arto, kiam ili centfoje aŭdis iujn ripeti, ke ili estas kaj ĉiam estos senvaloraj kompare al artistoj kiel tiuj de la antikva Grekujo, vivintaj 50 jarcentojn antaŭ ili.

Ĉiuj interkonsentas por diri, ke niaj plej famaj pentristoj kaj skulptistoj estas centfoje malsuperaj je Apelle kaj Phidias! Kia terura senkuraĝigo por la nunaj artistoj! — Cetere, la arta modo fariĝas pli kaj pli ŝanĝema. Do, ili devas flare trovi la morgaŭan modon. Tio estas riskoplena loterio.

Vi bone scias la nunan kverelon inter la moderniĝantaj pentristoj, kiu verŝajne, ankoraŭ tre longtempe daŭros.

La modernaj pentristoj mem ne plu estas sufiĉe antaŭiremaj, kaj estas tute preterpasitaj de la kubistoj, kiuj, kiel ajn mirinde tio povas ŝajni, havas kreskantan klientaron.

En alia fako ni iomete parolu pri la arto en la virinaj tualetoj. Kial oni trovas groteskaj tiujn, kiujn ni jam juĝis admirindegaj?

Antaŭ kelkaj jaroj oni ŝatis la virinojn nur kun vespe maldika talio, dikegaj koksoj kaj mamoj: konsekvence, la virinoj sin streĉe premis, preskaŭ ĝis sufoko kaj ebla sufero de gravaj malsanoj, metante sur siaj koksoj kaj mamoj grandmasajn remburaĵojn, ili eĉ iam adoptis la ridindegan krinolinon. Hodiaŭ ili estas devigitaj sin deformi renverse, kaj fariĝi plataj kiel limandoj. Kie estas la vero?

Nun alia afero: vi sendube opinias, ke la plej belaj virinaj tipoj estas la niaj en Eŭropo. Kio pruvas vian pravecon? Kio pruvas al vi, ke la vera beleco ne kuŝas ĉe la Hotentotinoj?

Tiuj ĉi sendube opinias, ke la eŭropaninoj estas degeneriĝintaj produktoj de nia maljuniĝinta civilizacio, kiu perdigis al ili iliajn naturajn reliefegojn antaŭajn kaj postaĵajn, kiujn la Hotentotinoj fieras esti tute konservintaj.

Alia afero ankaŭ: Oni iam senfine batalis pri la estetiko de la aŭtomobiloj; ĉiuj senlace ripetis, ke estus necese meti artefaritan ĉevalon antaŭ ili por iom malpliigi ilian abomenan malbelecon. Kiel idiota ŝajnas nun al ni tiu tezo! Kiam oni do fine komprenos, ke la estetiko teoria ne povas ekzisti, ke la nura nediskutebla beleco de iu objekto estas ĝia perfekta konformiĝo al ĝiaj estontaj servoj. Kaj tiun konformiĝon vi povas koni, nur post kiam ĝi estos maksimume perfektiĝinta.

Laŭ mia difino mi komprenas nur la arton kiel helpilon por la scienco — kiel ĝin uzas la kleraj metiistoj. La sciencisto difinas la plej bonajn formojn por la objekto rilate al ĝia uzo, kaj la metiisto ĝin plenumas laŭ tiuj difinoj kun sia tuta artkapablo.

Kelkafoje la artisto kaj sciencisto estas kunigitaj en la sama viro, sed tio estas, malfeliĉe, tre malofta.

Mi same ne komprenas la literaturistojn, kiuj zorgas pri la arto sola, kaj kies verkoj ne havas kiel celon la vulgarigon de scienca aŭ socia progreso

Kaj, malfeliĉe, tiu priokupado ŝajnas pli kaj pli malofta ĉe niaj modernaj aŭtoroj.

Mi konkludas:

Ĉar niaj artistoj mem konstatas, ke ili neniel progresis kompare al la artistoj, kiuj vivis antaŭ Kristo, oni estas nepre alkondukita al ĝia forstreko el la listo de la homaj kulturindaj konaĵoj, ĉar, laŭ la konfeso mem de ĝiaj adeptoj, ĝi malprogresas anstataŭ ol progresi.

Cetere, mi opinias, ke neniu provos al ni, ke la senfadena telefonio kaj la aerflugado estis eltrovitaj antaŭ Jesuo Kristo! Neniu povas nei, ke la scienco faras ĉiutage mirindegajn progresojn.

Ĉu Dio konas la arton? Tute ne! Ĝi nur povas juĝi la perfektecon, kiu sekvas neŝanĝeblajn leĝojn kiun ĝi mem kreis, kaj kiujn ĝi, iom post iom, permesas al ni malkovri.

Ĝi devige konstatas kiel ni, ke du kaj du faras kvar, kaj ke la fizikaj fenomenoj sin nepre ripetas en la samaj cirkonstancoj.

Tio, kion oni nomas arto, estas nur revo de la viro, serĉanta, ofte sensukcese, plibonigojn por la vivo. La artistoj, tro malpaciencaj por solvi per serĉado la problemon de nia sorto, provas, trovi iun revan solvon; ili esperas malpliigi la mizerojn de nia nuna vivo, fabrikante al ĝi imagajn plibonigojn. Tiel ili provas maski — sed tute nesukcese — la bedaŭrindegajn malperfektaĵojn de nia naturo, kaj la nunan malprogreson de nia kompatinda homaro.

Efektive la artistoj donas al la objektoj la formon laŭ sia imago, tio nur konsekvence de la embria stato de la homa scienco, kiu ne ankoraŭ ebligis starigi matematike ĝiajn optikajn formojn. La absoluta belegeco estus la kunigo de ĉiuj teoriaj perfektaĵoj en iu objekto, perfektaĵoj por kiuj ni havas neniun certan distingilon.

Estas nedubeble, ke la senĉesaj progresoj de la scienco alkondukos nin al la starigo de iu unika formo por ĉiuj objektoj de ni uzotaj, precize laŭ ilia plej facila uzebleco.

La arto estas ludileto kiun Dio lasis al la homo por iom amuzi lin dum la infaneco de l' homaro; sed, en pli progresinta stato, estas neneigeble, ke la beleco kaj la utileco tute samiĝos.

Ĉiuj sciencoj, ŝajne tre diversaj ankaŭ kuniĝos, englutinte samtempe ĉiujn artojn kiuj estas ilia embria formo.

La scienco havas jam grandan nombron da firmaj kaj fortikaj ŝtupoj, kiujn la tutmondaj scienculoj jam supreniras kun mirindega persistemeco.

De unu progreso al la alia la homo povas prave esperi, ke li, laborante dum multaj jarcentoj, alvenos al scienco unika, scienco integrala, kiu estos la sintezo de ĉiuj aliaj. Tiutage li povos fiere sidi flanke de Dio, kiun li estos verŝajne atinginta.

## Penseroj.

Vero apartenas al homo, eraro al tempo.

*Goethe.*

*

Pensoj, simile al floroj, havas pli da brilo, kiam oni ilin prenas unuope.

*Buast.*

*

Konfido pli provizas la konversacion ol spriteco.

*La Rochefoucauld.*

*

Bezono estas la sesa sento.

# La defendo de l' arto.

*Liang-ĉu-vaj.*

Vigle, paradokse, malkaŝe kiel kutime S-ro Archdeacon juĝas kaj kondamnas arton senkompate kiel „ludileton, kiun Dio lasis al la homo por iom amuzi lin dum la infaneco de l' homaro", sed forigindan el science progresinta mondo.

Elokventa apostolo de l' progreso laŭracia, la granda eŭropa oratoro Jean Jaurès estis vidata, kelkajn tagojn antaŭ la milito, admire vaganta tra la belarta muzeo de Bruselo. Renkontite, li staris antaŭ kolorflamanta fresko de Rubens: „Tial mi estas socialisto", li diris, „ĉar mi sopiras, ke ĉiuj homoj havu la materian kaj intelektan eblecon, kompreni kaj ĝui tiajn belaĵojn". Evidente li ne opiniis kiel S-ro Archdeacon. Kial?

Ĉe homoj ekzistas ne nur logika penso, sed ankaŭ sento. Demandu la virinojn. Oni povas bedaŭri la fakton, sed oni devas ĝin konstati. Kune kun la proceso de l' arto, tiam faru ankaŭ la proceson de l' amo. En la plej perfekte organizota mondo laŭ scienco, sen arto kaj sen amo, eble ŝatos vivi la maljunega Metuzalemo laŭdita de Bernhard Shaw, sed kiu alia?

Sur la kampo de l' koro estas ja eble, ke ni trovas pli da sufero ol da ĝojo, pli da doloro ol da plezuro. Tion ja diras la orienta filozofio jam de miljaroj. Tamen la homoj ĉiam kulturas ĝin kaj eterne serĉadas la bluan birdon de l' feliĉo. Eĉ maljuna kamparano, proksime al morto, ankoraŭ ĝojas pri la karaj haroj iam karesitaj kaj pri la nekomparebla flamiĝo de la nuboj per la ruĝa suno de l' vespero. Ĉu li ŝatus rekomenci la vivon kun la plej progresa materia komforto, sed sen ia sento? Mi dubas.

Kiam la plej scienca okcidenta progresulo almetas al oreloj la radio-aŭskultilon, ĉu li ŝatus aŭdi ĉiam nur parolojn saĝajn kaj raciajn, neniam kaptante eĉ iom da muziko? Estas vere, ke la gustoj diferencas. Estas vere, ke ili ŝanĝas. Ankaŭ la naturo diversas. Ĝi tamen havas leĝojn.

Arto ne estas ekster ni. Ĝi estas en la homoj. Ĝiaj verkoj prezentas iliajn revojn. Se unu sciis esprimi la revon de multaj, li fariĝas amato de l' publiko. Se lia revo estis tro alta, nur malmultaj ĝin komprenas tuj. Se ĝi estas freneza, nur la frenezuloj ĝin ŝatas.

La poemoj de François Coppée prezentis la belecon de modestaj anguloj de la burĝa vivo. Kiel ili povus plaĉi al amatoroj de l' Olimpo? Same tiuj de Vigny kantis la plej fieran doloron de l' homa koro pro la glacia indiferenteco de l' naturo al li. Kiel ili povus ĉarmi rideman gajvivulon?

Ke montriĝas periodaj modoj pri la formo de versoj aŭ eĉ de virinaj vestaĵoj, ĉu tio iel pruvas la neekziston de arto? Ke la profitemo de famaj kudristoj aŭ la politika fanatikeco de iu nacio dum milito ĝeneraligas multfaldajn robojn aŭ malpermesas eksterlandan muzikverkiston, pri tio ne arto estas respondeca, sed sentoj alispecaj.

Nun pri la progreso aŭ malprogreso. Ĉu estas tute certe, ke la antikvaj egiptanoj ne konis jam multon el la scienco malkovrita dum la XIX$^{a}$ centjaro? Nu, se efektive estus, ke nia epoko preterpasis ĉiujn aliajn en la pliriĉigo de homaj konoj, eble tio estas ĝuste la kaŭzo, kial ni estas malpli artistaj ol estis ekzemple la grekoj. Oni ne povas ĉion samtempe fari. Viaj plej geniaj eŭropaj cerboj serĉas nun sciencajn novaĵojn. Ĉe la grekoj ili verkis aŭ skulptis. Tamen kio estis ilia muziko kompare kun la via? Apenaŭ „jazz"-bando.

La ĉefa eraro de la procesanto kontraŭ arto kuŝas en lia frazo: „Se la arto havus realan ekzistadon, ĝi havus regulojn kaj leĝojn, antaŭ kiuj devige sin klinus ĉiuj; oni ne pli povus diskuti la belecon de iu arta verko ol la kvadraton de l' hipotenuzo." Nu, ĝuste, se ĝi estus tiel, ĝi jam ne estus arto, sed scienca logikaĵo. Nek amon, nek senton, nek arton entenas la kvadrato de l' hipotenuzo. Ĉu vi akceptus, ke oni demonstracie pruvu al vi, kiun virinon vi amu? Eble kian, sed ne kiun.

Ekzistas tamen certaj reguloj de bongusto aŭ mezuro, sen kiu arkitekturo ekzemple neniel povus ekzisti. Vi mem ne ŝatus anstataŭi la Louvre per aro da Eifelturoj, ĉu? Ankaŭ sufiĉe da sentoj kaj kutimoj estas komunaj al multaj homoj, por ke generacioj post generacioj amu kaj laŭdu la samajn ĉefverkojn de Sofoklo admirante en ili la puran belecon same kiel en skulptaĵo mirinda kaj ĝojante, ke la neforgesebla poeto ne difektis siajn tragediojn per „la vulgarigo de scienca aŭ socia progreso". La belo per si mem valoras kaj ofte perdas per enmikso de l' utilo.

Se la „progreso de l' scienco trudos al ni unikan formon por ĉiuj objektoj de ni uzotaj, precize laŭ ilia plej facila uzebleco", tiam Dio min savu de tiu ora . . . aŭ ŝtala tempo, min kompatindan reakciulon, ĉar mi tro ŝatas iom da fantazio kvankam mi ĉiutage riproĉas amikinon, ke ŝi tro rigardas en ĉio la elegantecon. Mi jam imagas terure la tagon, kiam la modo postkuros la fanatikan sciencon forlasante ĉiun arton kaj kiam Sofjo jam tondos absolute razkape sian jam mallongan hararon „pro la plej facila uzebleco". Haltu! S-ro Archdeacon, haltu! mi jam timas la efikon de via artikolo sur senkulpajn legantojn.

Feliĉe la fabrikantoj de aŭtomobiloj ne sekvis vian principon, sed ornamis la maŝinojn per ofte ĉarma eksteraĵo, kvankam ne la plej utila . . . sed ni reflugu pli alten.

Ĉu la pura scienco tiel certe gvidas la homojn al justeco? Ĉu ĝi ne eltrovas mortigajn gasojn kaj preparas la plej terurajn militojn? Kien falus la homaro, se ĝi ne havus revojn kaj speciale revojn pri amo kaj harmonio, la plej belaj fontoj de l' arto kaj samtempe la plej fortaj inspiroj al justeco?

En la fino de via artikolo vi mem elokvente esprimis revon, tre altan kaj noblan vian revon . . . Kaj vole, nevole, vi tiam falis en arton, de vi malbenitan.

Kredu min, la popoloj ĉiam estos instigataj per tiuj grandaj, fortaj revoj al unueco. Ni klopodu, ke ili ne haltu je iaj limoj, naciaj, lingvaj, gentaj aŭ kredaj. Ni ne malŝatu la revojn de la homaro, sed ni elektu nur la plej harmoniajn. Tiam arto kontraŭos nek justecon, nek sciencon, sed lumigos la taŭgan vojon.

---

!

**Al tiu numero estas aldonita:**

**Kongresa Bulteno N-ro 3**

**Ekonomia Kuriero N-ro 2**

**Tabelo de Enhavo 1924.**

# La problemo de la estonteco.

*Carl Mothander, Stockholm.*

Maljuna viro, ludinta iam grandan rolon en la vivo kaj estinta ambasadoro de potenca imperio ĉe imperiestra kortego, demandis min antaŭ ne longe, kion mi pensas pri la estonteco de Germanio kaj pri la evoluo de Eŭropo kaj de l' mondo.

Komence mi ne sciis bone, kiamaniere interpreti ĉi tiun demandon. Ĉu tio estis kaŝita hipokriteco de maljuna diplomato rilate al „homo nova“? Aŭ ĉu li estis homo, turninta la dorson al malaperintaĵo por serĉi ion novan, kaj pro tio ne konsideras sin tro bona, aŭskulti la opinion de pli juna viro, de fremdulo?

Nu, mi jam aŭdis eĉ pli altrangajn sinjorojn kaj eĉ pli spertajn politikistojn, kiuj profetis (kaj estis *malĝuste* profetintaj); mi ankaŭ renkontis tiajn, kiaj estas ekkonintaj per pli malmulta mondsperto — ol mi — la verecon. Tial mi respondis al li, ke mi skribos kelkajn liniojn pri la problemo. Kaj por ke mi ne estu batata sur la fingrojn, mi permesas al mi, pritrakti la demandon laŭ pli granda, pli alta vidpunkto ol li opiniis — ĉar kiu iomete esploris la historion, tiun jarcentoj kaj jarmiloj interesas pli ol jardekoj kaj unu generacio.

Unue, mi opinias, oni devas ĉiom klarigi al si, ke ni ĵus forlasis *historian epokon* por eniri *novan*. Por ke oni estu kapabla formi ian opinion pri la estonteco, du aĵoj estas necesaj: Forigu ĉiujn konsiderojn kaj antaŭjuĝojn, konstruitajn de la periodo ĵus finiĝinta, kaj skizu sur la „tabula rasa“, sur la sensupoziteco, novan planon. Due: Estu iomete historiulo, por ke vi ĝenerale sciu, kio estas okazinta en la mondo, kaj estu kapabla, tiri el tio doktrinojn kaj konkludojn.

Por esprimi sian opinion pri la estonteco de Germanio — kaj ĝenerale pri tiu de iu nacio, de iu politika potencfaktoro — oni devas klarigi al si, ke Germanio estas proporcie nova ideo Antaŭ la 1870ª jaro (respektive la 1848ª) ne ekzistis politika kaj nacia Germanio. Tiam estis la heterogena (de malsama deveno) „Roma Imperio“. Antaŭ la morto de Karlo la Granda ne ekzistis historia aŭ lingva Germanio. La kontrastoj: Germanio kaj Franclando jam ne estis eltrovitaj Tial de post jarcentoj ekzistas la konflikto pri la Rejno, la disputo, ĉu ĝi estas germana ĉu franca.

La popolmigradoj al sudo kaj okcidento preskaŭ dum miljaro ekscitis la eŭropan popolkorpon ĝis ĥaoso kaj fine, kiam estis ripozo, Eŭropo iom post iom dispartiĝis je gentoj: ĝermanoj, galianoj, slavoj ktp.; ĉio fakte nur fiktiva. Ĉar, kie oni renkontas „purajn“, ne miksitajn ĝermanojn, kie galianojn, kie slavojn? Ĉu ne ekzistas en Franclando tiom da germana sango el la oriento kaj la nordo, kiom da roma kaj slava sango en Germanio? Ĉu la ruso ne estas tiom tataro kiom la anglo, la franco, la skandinavo kaj la kelto? Ju pli fanfaronas popolo pri sia raso, des malpli rasepura ĝi estas. Ĉie en Eŭropo la nacioj de post jarcentoj estas pleje geografie-politikaj ideoj anstataŭ etnografiaj. Pro tio *la nacio-principo* estas vana mensogo. Nacioj ne ekzistas, nur *lingvaj regionoj*. Krome per la preskaŭ senlimaj interrilateblecoj dum nia epoko okazas tage kaj hore delokigo de la lingvaj limoj.

Ŝajnas esti dubeble, en kia maniero la lingva komuneco de nacio dum la estonteco povos daŭri. Ekzistas en niaj tagoj pli potencaj faktoroj, kunigantaj individuojn kaj grupojn: komunaj interesoj pri nutraĵo kaj kulturo. Sur *tiu* bazo la estonteco estas konstruota. Tial ankaŭ aliiĝo okazos. Aŭ ĝi fariĝos per alpreno de la plej vivpotenca kulturlingvo, aŭ la estonta lingvo formiĝos kiel nova miksotaĵo.

La nacieca ideo per *izolado* fariĝis konstanta, konservativa Pro tio naciismo — transpaŝanta la limojn de la kultura kaj historia pieco — estas *malprogreso*, reakcio. La geografie-naciaj limoj, ekzistintaj ĝis nun ĉefe per militista protekto, naturformiĝoj kaj manko je mondsperto, malaperos pro la venko de la mondpaca ideo, la doganaj limoj pro nova bazo por produktado kaj konsumo. Se io vera estas en miaj vortoj, per tio ankaŭ la demando pri la estonteco de Germanio, pri tiu de la nacioj entute, estas respondita.

Koncerne la demandon pri la estonteco de Eŭropo, la respondo ja estas iom alia. Koncerne ĝin oni devas kalkuli je duspecaj ideoj: limigita (konkreta) ideo kaj pli vasta (abstrakta) ideo. Eŭropo kiel geografie-politika ideo certe estas partoprenonta la sorton de siaj nacioj. Laŭ tio nia mondparto nur estas pli granda nacieca ideo. Krome la limoj de Eŭropo estas tiom ŝanceliĝantaj, ke ili estas difineblaj nur geografie. Kie en la oriento la limo estas konstatata, tio estas ĉiam disputotaĵo, kaj okcidente Anglio ĉiam pli kaj pli glitas el la eŭropa interesosfero por eniri en mondimperion, kies pezocentro jam ne kuŝos precipe en Eŭropo. Jam per tiu ĉi rimarkigo ekestis ideo-konfuzo: politike-geografia Eŭropo kaj kultura Eŭropo. Ĉu en nia tempo entute ekzistas Eŭropo, aŭ ĉu ĝi fariĝis fiktivo? Ĉu la ligiloj de la mondpartoj disŝiriĝis kaj la opaj politikaj ŝtatoj fariĝis „imperiosenperaj“ partoj de la mondo? Tio certe ankaŭ estis la penso, la ideo, kiu kreis la bazon de la *Ligo de Nacioj*.

Por eviti, ke mi enpensiĝu pri sekcado pulvorigonta la objekton je nenio, mi transiras al la Eŭropo, ekzistanta por mi, al la *spirita Eŭropo*, bazita sur eŭropa kulturo. Kaj *tia* Eŭropo jam de longe okupis pli grandan lokon ol la geografia. Tiu ĉi spirita Eŭropo estas la faktoro gvidanta la mondon plej antaŭen. Per sia naciismo — ofte pli ŝajna ol efektiva — ĝi posedas ion, kio havigis al ĝi venkon nekontraŭstareblan: sian aktivecon, sian *dinaman psikon*. La ideo de Eŭropo estas agado, tiu de la Oriento — revo. Tial Japanujo estas pli eŭropa ol Ruslando, Ameriko pli ol la ŝtatoj en la suda Eŭropo. Per laboro, per kreado kaj preparado de ekzisteblecoj por forta idaro, per sia kristana moralo Eŭropo zorgis por la spirita vivo ankoraŭ pli multe ol la Oriento per sia unuflanke kontemplativa, t. e. meditema, pripensema sintenado. La spirita Eŭropo hodiaŭ estas ekkaptonta la mondon. Ĝis nun neniam homa generacio posedis kulturon pli vivofortan, pli ampleksan ol la eŭropa. Kiel ajn la rasoj intermiksiĝas, kiel ajn la ekonomiaj kaj la politikaj opinioj ŝanĝiĝas, la eŭropa kulturo ankoraŭ longe al la mondo donos la formon, kiu skizas al ĝi la materiajn kaj spiritajn konturojn. Ameriko estas la *pionira lando*. Ĝi jam posedas pli da eŭropa kulturo ol Eŭropo mem. Tie *ĉiuj nacioj* de Eŭropo jam intermiksiĝis je unu popola korpo, alproksimiĝanta pli kaj pli al la raso de la estonteco. *Tie* loĝas la fakta eŭropano. La kulturon, kiun la neariano starigis certe estas iomete malgrava La malŝatemo, rilate la koloran homon, ĝis nun la intermiksadon lokaligis ĉefe inter la eŭropajn limojn. Sed la tempo ne estas malproksima, kiam aliaj rasoj estos atingintaj tian evoluon, ke sangmiksado ĝenerala ne estos evitebla Kaj jen ni havos en Ameriko — pli malfrue ankaŭ ĉe ni — la mondhomon de la estonteco.

Laŭnature tia evoluo bezonos longan tempon. Ne hodiaŭ aŭ morgaŭ, ne dum la estanta aŭ la sekvonta jarcentoj. Dum ok ĝis naŭ jarmiloj oni povas sekvi la homan kulturon. Eble iam ekzistis kulturoj neniigitaj tutege de glaciperiodoj. Se ies spirita okulo unuiloje estas malfermita pri geologiaj periodoj, li ne estas tiom avara je jarmiloj. Sed rilate al la rapideco, je kiu la tekniko de la nuna mondo kaj ankoraŭ pli multe tiu de la estonteco gvidas la mondon antaŭen ĝis la fino, oni certe nun rajtas nomi jarcento, jarmilo.

Kio okazos dum la vivtempo de niaj generacioj — tio pli malmulte interesas nin. La sorĉista kaldrono bolas ĉe granda fajro. Ĉiuj vegetaĵoj sorĉaj kaj la sorĝiloj — magiaj rimedoj — jam estas ĵetitaj en la kaldronon. Jam multaj de la vaporaĉoj pereiĝis; apenaŭ ni vivos tiom longe, ke ni estos gustumintaj la supon malvarmiĝintan; sed iam fariĝos el ĝi trinkaĵo delikata — inda je ĉiuj oferoj, ĉiu turmento, ĉiu ĉagreno de la renaskiĝo.

Esperantigis *Hugo Dreusicke, Kassel* (Germanio).

# LITERATURO

## Integer vitae.

Odo I, 22 de Horatius.

Kiu scias vivi liberanime
Kulpe ne ŝarĝita, la koron pura,
Ne bezonas sagojn, sekure vivos,
Ĉiam sentime.

Ĉu li elveturas tra kirlajn Sirtojn
Ĉu li migras tra la Kaŭkazon vastan,
Ne gastaman, aŭ sur la bordoj ardaj
De la Hidaspes!

Kiam en arbaro mi Lalage'on
Kantis, min senarme vagantan lupo
Fuĝis forkurante kaj sin retiris
Plena de timo...

Monstro,... kian nek militema lando
De Daunio nek la dezerto kreis,
Kie ĉasas la leoninoj... Dioj!...
Lasis min iri!

Metu min en nordan rigidon, kie
Arboj kaj arbetoj ne estas konataj,
Kie malfavora vetera Dio
Tenas la sceptron.

Metu min en la regionon sudan,
Kia mankas homaj loĝejoj, ... ĉie
Dolĉan ridon de Lalage mi amos,
Ŝian babilon!

Laŭ versmezuro de la originalo
de *Friedrich Jahn*, Godesberg.



## Stefan George,

### la interpretanto de eksterlandaj poetoj.

De *M. Butin*, L. K.

Kiam ni parolas pri la moderna liriko en Germanujo, sin altrudas al ni la nomo de unu el la plej eminentaj germanaj lirikaj poetoj de l' nuntempo, Stefan George.

Turnante min al internacia legantaro, al intelektuloj tutmondaj, mi celas montri liajn gravajn meritojn kiel diskonigantoh de la liriko eksterlanda. — Antaŭe mi skize prezentu la verkiston pere de kelkaj eldiroj de li mem. „Mi ne volas fantaziece eltrovi rakontojn, sed pentradi sentojn animajn, ne mediti, sed formi, ne distri, sed impresi. La poemo estas la plej alta kaj fina esprimo de l' fariĝo, ne kopiaĵo de pensoj, sed de sentoj. En la pentro-arto efikas linio, koloro kaj aranĝo de l' tuto, en la poezio elekto, sono kaj subtila mezurado. Antaŭ ol ekfloras en iu lando impona arto, estas necese kulturi la guston de generacioj. Nur gentoj de malalta deveno ne posedas tradicion." — La nuntempaj poetoj, kiuj gloras Stefan George'on kiel kreinton de nova lirika arto en Eŭropo, precipe tiuj, kies versojn la majstro tradukis, renovigas konscie aŭ ne la romantikon. Al mondo surda kaj surdigita ili sciigis la malnovan konon, ke en la liriko en la komenco estas sono, ritmo, melodio kaj vizio, el kiuj elkreskas la semo kvazaŭ frukto ŝvelanta inter la petaloj de floro. Poemo sonanta reveco, sen ke kaŝiĝas iu senco en la sonoj, povas esti poemo neforgesebla. Kiel ensorĉe efikas la magia, por la menso ne komprenebla forto de l' sono kaj longa vico de mistikaj vortoj, kiuj katenligas la homon primitivan. Sed ĉu vortoj malhavantaj iel percepteblajn sencon kaj signifon rajtas esti nomata poemo? Ĉu ne estas la esenca laboro de poeto lirika kunefandi sonon kaj melodion, ritmon kaj vizion je artaĵo, en kiu la unu el tiuj faktoroj necesigas kaj estigas la alian, ĉar nur laboro al tia formo dediĉata konsistigos la enhavon poemece realan Konsideroj kaj ekkonoj tiaspecaj igis la verkiston Stefan George efektivigi kaj realizi la rezultojn el liaj poeziaĵoj kaj tradukoj. —

Ne estas mirige, ke precipe la poemoj de *Paul Verlaine* instigis la germanan poeton al majstreca tradukado. Pli altajn taskojn rilate la formon traduko ne donos. La franca lingvo, matura artaĵo, idiomo porpoezia, cizelita kaj polurita dum jarcentoj, allogis kuraĝan viron al plejeble fidela tradukad-imitado. Simplaj vortoj, kiel tiuj en popolkantoj, alternas kun malofta novaj vortformoj, pasia plendado kaj korpremanta patoso aŭdiĝas apud profunda, maldolĉa funebrado. Ĉiu sento havas sian sonon; la vorto estas sono, bildo kaj ankaŭ senco. George igis nin ĝui la belecon de tiu lingvo. — Krome li interpretis la francojn Baudelaire, Mallarmé, Rimband, de Regnier, la danon Jacobsen, la holandanojn Klos, Verwey, Verhaeren, la anglojn Swinburne, Dowson, Rosetti, la italon d' Annunzio kaj la polon Rolicz Lider. El tiuj poemoj-tradukoj tiuj de Mallarmé kaj Baudelaire estas la plej entuziasmigaj. Precipe Baudelaire estis kvazaŭ instruisto por George, ĉar li fortigis, fleksebligis kaj benis lian propran forton. Por la germanoj George estis poetoperanto konigante al ili la grandan francon kaj la sopiron de ties animo je beleco kaj liberiĝo. — Tamen oni ne pretendu, ke nur la romanaj majstroj montris al li la vojon irotan, kvankam ili sendube tre influis lin. En liaj vejnoj fluas franca sango de liaj praŭloj kaj pro tio ni komprenas, ke li estis destinita fariĝi la interpretanto de la liriko romana. — Fine mi aldonas kelkajn versojn de Verlaine'a originalo kaj la tradukon de George. Kiu esperantisto-poeto donacos al ni modelajn tradukojn de tiaj perloj?

*Paul Verlaine / Le Faune.*

Un vieux faune de terre cuite
Rit au centre des boulingrins,
Présageant sans doute une suite
Mauvaise à ces instants sereins
Qui m'ont conduit et t'ont conduite,
Mélancoliques pélerins,
Jusqu' à cette heure dont la fuite
Tournoie au son de tambourins.

*Der Faun*, traduko de *St. George*.

Der alte Faun aus grauem Tone
Sieht aus dem Gras mit Lüsternheit,
Er prophezeit uns zweifelsohne
Ein schlimmes End' auf heitre Zeit,
Die mich geleitet dich geleitend
Uns Wanderer mit trübem Geist
Bis zu der Stunde, die entgleitend
Beim Klang der Tamburine kreist.



# Bapta kanto.

De *L. Charles-Baudouin*, Genève.

I.

Inter sango, krioj, ĝojo kaj doloroj, infaneto ekaperis.

Kiel inter krioj superega triumfkrio, infaneto el la patrina vivo eksaltis,

Eksaltis, sin ĵetis kuraĝe kapantaŭe en la frostan aermaron de la mondo kaj subakviĝis.

Kaj nun eta nova varma vivo timeme ritme batetas en la frosta vasta dezerta mondo.

II.

Virino, pordo de la vivo, mi salutas Vin.

Pordo de ĝojo kaj doloro, sange ruĝa pordo kiel matenruĝo,

Patrino, mi salutas Vin.

Mi salutas vin per la samaj vortoj, per kiuj anĝelo alklinis sian menson iam antaŭ Maria:

„Vi estas benita inter ĉiuj virinoj kaj via frukto estas benita.“

Ĉiu homfilo estas Difilo kaj entenas en si mem senfinon.

III.

La kvinjara frato ne scias kiel aperigi sian amon al la frateto.

Oni ne devas, oni ne riskas, tuŝi la vivan delikatan etaĵon aŭ kisi.

La frato diras: „Mi stare restos apud li, kiam li dormos, mi staros la tutan tempon,

„Kaj mi mane de lia vizaĝo forpelos la muŝojn, pelos ilin ĉiam for.“

IV.

Mi ne bezonas emfazon, mi ne bezonas idealigi,

Kaj pentri infaneton kun du anĝeletaj flugiloj en salonĉielo.

Sufiĉas al mi realeco de tiu ĉi infano kun la faldoj grasetaj de ĝiaj membroj.

Kaj mi ne scias kial mi trompkaŝus al mi la ĵus lavitajn tukojn kiuj sekiĝas en la ĉambro, la boteletojn, vaton, spongon sur la tablo,

Kie nun oni manĝas kaj skribas senkomforte tutkontente.

Mi ne bezonas idealigi: tiu ĉi realeco sufiĉas al mia ekstazo.

V.

Cia patrino nomas cin „amo“, kaj vere kiam ci naskiĝis,

En ci aperis al ni nia enkorpigita amo.

Ho vi amatulino, la nekonata realaĵo, kiu sin serĉis en ni

Kaj tordiĝis nesatigite kaj suferis en nia ĝojo,

Hodiaŭ efektiviĝis!

Ni volis esti unu kaj ne povis, ne povis nin tute ĉirkaŭpreni

Kaj nun, ho vidu, estas plenumite kaj ni ambaŭ estas unu en ĝi.

Infano, homa triunu, nekredebla palpebla mistero,

En kiu ni rekonas niajn du vivojn fandiĝintajn per la fajrego de la amo!

VI.

Sepa tago, festa tago!

La patrino forlasas la kuŝejon, kie vivo el ŝia vivo elŝprucis.

Estas blindumita pro la granda ĉiela heleco,

Pro la blanka reala miraklo de la infaneta korpo en tiu heleco,

Kaj ebrie ŝanceliĝas,

Kaj retiras la kapon malantaŭen por konsideradi sian verkon,

Kaj admire ridetas kiel Dio je la sepa tago de l' kreado.

VII.

Vi ankoraŭ ne multe ridetas al ni, infaneto.

Vi apenaŭ la patrinan voĉon konas, la patrinan vizaĝon certe ne,

Sed la mirindan lumfonton, la lampon, vi konas perfekte.

Al ĝi sin turnis via unua amo, al ĝi vi ridetas, paroletas,

Kaj ni estas iomete ĵaluzaj al ĝi!

VIII.

Vi ĝuas nun la banon, ĝuas per la tuta estaĵeto.

Akvo fumiĝas en ovala tineto, mi levas la lampon

Kaj vidas vian sukcenan korpon en tiu miela lumo.

Kelkaj adorantaj kapoj kliniĝas al vi pretekste por helpi, sed vere por vidi kaj vivadi.

Kaj vi ankaŭ mirigite vidas ilin kaj via rigardo iras de unu al alia.

Ĉu ne tiuj okuloj estas la milda akvo, ĉu ne ili faras tiun bonan varmetecon sur via korpo?

Ĉio estas al vi unu sama tutenvolvanta volupto.

Kaj vi restas nun senmove

Kun la braketoj refaldita] sur la brusto, la manoj renversitaj kiel por ekstaze dankodiri,

Dankodiri al tio, kio vin ĉirkaŭvolvas kaj estas bona.

Kaj la bildoj de tio sin demetas iom post iom en vi kaj tie antaŭformas por estonteco,

Dio scias, kian nekompreneblan nostalgion rememoran al la milda varmeco de okuloj.

IX.

Kaj post tio, en la vespera ĉambro, kie fluis la miela lampolumo,

Apud la dormanta patrino kaj apud la infaneto kiu ekdormis laŭ la tro rapida ritmo de sia premata spirado,

Mi legis Platon-on kaj ĵus trafis la belan miton pri rememoro,

Rememoro en ni de antaŭa dia vivo.

Sed mi nun min demandas, ĉu tiu antaŭa vivo

Ne estas eble nur la mira vekiĝo de infaneto al la vivo nuna

Ĉar admiregо de du novaj okuloj kien alfluas la nekredebla noveco de l' mondo

Sufiĉas por plenigi animon por ĉiam je konfuza rememoro pri perdita paradizo.

Tamen tiu mirindeco de la mondo estas ĉiam antaŭ ni, ĉirkaŭpremas nin.

Nur niaj okuloj estas supersatigitaj per la ekceso de mirindaĵoj kaj tial sensentaj.

Kaj tio estas eble la tuta origina peko.

Ho ke ni refariĝu „similaj al iu el tiuj etuloj“ kaj retrovu la perditan paradizon

Akceptante la mondon per infanaj okuloj!

X.

Infaneto, via patrino hodiaŭ vin pli pasie al sia brusto alpremis kaj diris:

„Ho ke vi donacu cian vivon martire por ia afero sankta, mi tion kore bonvolas,

„Sed, ke ili rabu cian vivon por ilia abomindaĵego, ho karuleto mia,

„Mi tion nepre ne volas.

„Se mi scius, ke ilia milito iam cin prenos,

„Mi preferus cin tuj per miaj amobrakoj sufoki.“

Tia estis la patrina krio, kaj mi sentis, ke tio estis voĉo mem de la vivo krianta kreanta,

Ke tio estis miloble pli vera, pli forta ol la vortoj kaj fortoj de ŝtatistoj kaj nacioj,

Kaj mi sentis la senmezuran valoron de vi, ho eta homa vivaĵo,

Meditante pri la miraklo de ĝojo kaj doloro, kiu kreis vin,

Meditante pri viaj manetoj kaj pri la perfekta delikata konko de via perlamota orelo.

# En la razejo.

Humora rakonto de *A. P. Ĉeĥov.*

Estas la mateno. Ankoraŭ ne estis la sepa horo, sed razejo de Makaro Kuzmiĉ Blostkin estis jam malfermita. La mastro, dudektrijara fraŭlo, kun nelavita vizaĝo, grasmakulita, sed dande vestita, estas okupita de la ordigado. Tie per la ĉifoneto forfrotas, tie per la fingro forskrapas, tie cimon trovas kaj desvingas ĝin de la muro.

La razejo estas malgranda, malvasta, malpuraĉa. La trabaj muroj, estas supergluitaj per tapetoj, rememorigantaj pri kolorpaliĝinta veturigista ĉemizo. Inter du malhelaj, larmfluigemaj fenestroj estas maldika, knarema, malfirmaĉa pordo, super ĝi estas, verdiĝinta de malsekaĵo, sonorileto, kiu ekskuiĝas kaj malsaneme sonoras mem, sen ia kaŭzo. Kaj ekrigardu vi en la spegulon, kiu pendas sur unu el la muroj, kaj vian vizaĝon oni oblikvigos ĉiuflanken la plej malkompate! Antaŭ ĉi tiu spegulo oni frizas kaj razas. Sur la tableto, same nelavita kaj grasmakulita kiel mem Makaro Kuzmiĉ, estas ĉio: kombiloj, tondiloj, raziloj, je kopeko da fiksatuaro, je kopeko da pudro, je kopeko da tre solvita kolonja akvo. Kaj eĉ tuta razejo ne kostas pli multe ol dekkvin kopekoj.

Super la pordo aŭdiĝas krieto de malsana sonorileto, kaj en la razejon eniras nejuna viro en tanita mallonga pelto kaj en peltbotoj. Liaj kapo kaj kolo estas ĉirkaŭvolvitaj per virina ŝalo.

Tiu estas Erasto Ivanoviĉ Jagodin, bapta patro de Makaro Kuzmiĉ. Iam li oficis en la konservatorio kiel gardisto, nun do loĝas apud Krasnij Prud*) kaj estas seruristo.

„Makaĉjo, bonan matenon, lumo!“ parolas li al Makaro Kuzmiĉ, enlogiĝinta en la ordigadon.

Kisas unu la alian. Jagodov detiras de la kapo la ŝalon, signokruciĝas kaj sidiĝas.

„Kia estas la malproksimo!“ parolas li voĉspirante. „Ĉu estas serĉaĵo? De Krasnij Prud ĝis Kaluĵskie Vorota.**)

„Kiel vi fartas?“

„Malbone, frato. Febro estis.“

„Ĉu do? Febro!“

„Febro. Monaton mi kuŝis, supozis, ke mi mortos. Konfesdonis. Nun la haroj falas. La kuracisto ordonis friziĝi. Haroj, li diras, novaj venos, fortaj. Jen mi tial pensas en kapo: iros do mi al Makaro. Anstataŭ iri al alia estas pli bone — al parenco. Li faros pli bone, kaj la pagon ne postulos. Malproksimete kelke, tio estas vero, sed ja kio do estas ĉi tio? Sama estas promeno.“

„Mi kun plezuro. Bonvenu-s!“***) Makaro Kuzmiĉ, piedsalutante, montras la seĝon. Jagodov sidiĝas kaj rigardas sin en la spegulo, kaj evidente estas kontenta de la spektaklo: en la spegulo formiĝas oblikva vizaĝaĉo kun kalmukaj lipoj, malakra larĝa nazo kaj kun okuloj sur la frunto. Makaro Kuzmiĉ kovras ŝultrojn de sia kliento per blanka litotuko kun flavaj makuloj kaj komencas grinci per la tondilo.

„Mi vin je pure, ĝis nude!“ diras li.

„Nature! Por ke mi estu simila al tataro, al bombo. La haroj pli dense iros.“

„La onklinjo kiel bonfartas?“

„Kontentete, vivas por si. Pasintajn tagojn ŝi la majoredzinon vizitis por akcepti akuŝiton. Rublon oni donis.“

„Tiel-s. Rublon. Tenu la orelon-s!“

„Mi tenas... Ne jetranĉu, rigardu. Ho...j, dolore! Vi min je haroj ŝirpinĉas.“

„Ĉi tio ne gravas. Sen ĉi tio en nia afero neniel povebIe estas. Kaj kiel bonfartas Anna Erastovna?“

La filinjo? Sufiĉbone, saltas. En pasinta semajno, merkredon, ni ŝin al Ŝejkin forsvatis. Kial ci ne venis?“

*) Ruĝa Lageto estas parto de Moskvo.
**) „Kaluga'a Pordego“ estas Moskva punkto.
***) Aldono „s“ esprimas estimon kun flato.

La tondilo ĉesas grinci. Makaro Kuzmiĉ mallevas la manojn kaj demandas timigite: „Kiun forsvatis?“

„Anna'n.“

„Tio ĉi kiel do estas? Al kiu?“

„Al Ŝejkin, Prokopo Petroviĉ. En Zlatoustenskij-strateto lia onklino oficas en ekonomio. Bona estas virino. Nature ni ĉiuj estas ĝojaj, gloron al Dio. Post la semajno estos edziĝfesteno. Venu, drinkfestenos ni.

„Kaj kiel do tiel estas ĉi tio, Erast Ivanoviĉ?“ parolas Makaro Kuzmiĉ pala, mirigita, kaj ekpremetas la ŝultrojn. „Kiel do ĉi tio estas ebla? Ĉi tio... Ĉi tio neniel estas ebla? Ja Anna Erastovna... ja mi... ja mi la sentojn al ŝi dorlotis, mi la intencon havis. Kiel do tiel?“

„Nu tiel. Ekintencis kaj forsvatis. La homo estas bona.“

Sur la vizaĝo de Makaro Kuzmiĉ elrosiĝas malvarma ŝvito. Li metas la tondilon sur la tablon kaj komencas froti sian nazon per la pugno. „Mi la intencon havis...“ parolas li. „Ĉi tio ne estas ebla, Erasto Ivanoviĉ! Mi... mi estas enamiĝinta kaj proponon de l' koro faris. Kaj la onklinjo promesis. Mi ĉiam estimis vin egale al patro... frizis vin ĉiam senpage. Ĉiam vi de mi ŝuldaĵon havis kaj, kiam mia paĉjo vivfiniĝis, vi prenis la kanapon kaj dek rublojn kaj reen al mi ne donis. Ĉu vi memoras?“

„Kial ne memori? Memoras. Nur kia do ci estas fianĉo, Makaro? Ĉu ci estas fianĉo? Nek monon, nek titolon, la metio estas malgrava...“

„Sed ĉu estas Ŝejkin riĉa?“

„Ŝejkin estas ano de garanti-asocio. Li havas garantimonon unu kaj duonon da miloj. Tiel estas, frato... Parolu, ne parolu, sed la afero jam estas farita. Malantaŭen oni ne returnos, Makĉjo. Alian por ci fianĉinon serĉu! La mondo ne kojne malvastiĝis. Nu frizu! Kion do vi staras?“

Makaro Kuzmiĉ silentas kaj staras senmove, poste tiras el la poŝo naztukon kaj komencas plori.

„Nu, kion!“ konsolas lin Erast Ivanoviĉ. „Ĵetu! Ĉi tia estas, ploregas kiel virinaĉo! Ci finu mian kapon, kaj tiam ploru. Prenu la tondilon!“

Makaro Kuzmiĉ prenas la tondilon, minuton rigardas ĝin sensence kaj faligas sur la tablo. Liaj manoj skuiĝas.

„Ne povas mi!“ diras li. „Ne povas nun, fortojn miajn ne havas! Malfeliĉa mi estas homo! Kaj ŝi estas malfeliĉa! Amis ni unu la alian, promesiĝis, kaj disigis nin malbonaj homoj sen ia kompato. Foriru, Erast Ivanoviĉ! Ne povas mi vidi vin!“

„Tiuokaze mi morgaŭ venos, Makaĉjo. Morgaŭ vi finfrizos.“

„Bone.“

„Trankviliĝu iom, kaj mi al ci venos morgaŭ, pli frue matene.“

Ĉe Erast Ivanoviĉ duono de l' kapo estas frizita nude kaj li estas simila al punlaboranto. Konfuze estas resti kun tia kapo, sed nenio estas farebla. Li ĉirkaŭvolvas la kapon kaj kolon per la ŝalo kaj eliras el la razejo. Restinte nun, Makaro Kuzmiĉ sidiĝas kaj daŭras plori mallaŭte.

Sekvantan tagon frumatene denove venas Erast Ivanoviĉ.

„Vi kion bondeziras-s? demandis lin malvarme Makaro Kuzmiĉ.

„Finfrizu, Makaĉjo. Duonkapo ankoraŭ restis.“

„Bonvolu monon antaŭe. Senpage mi ne frizas-s.“

„Erast Ivanoviĉ, ne parolante eĉ unu vorton, foriras kaj ĝis nun ankoraŭ ĉe li sur unu duono de kapo la haroj estas longaj kaj sur la alia — mallongaj. Frizadon por mono li konsideras lukso kaj atendas, kiam sur la frizita duono haroj mem kreskos. Kaj tiuaspekte li ĉe la geedziĝo festenis.

El rusa lingvo

*F. P. Viŝnjakov*, Novonikolaevsk, Siberio.



# TRA LA MONDO ESPERANTISTA



## 3. Iberia Kongreso Esperantista.

La hispana esperantistaro kongresos ĉi-jare la 10—12an de majo en Córdoba, Andaluzio. Ĝi kunvenigos ĉiujn samideanojn de la tuta duoninsulo, por kiuj ĝi aspiras krei definitivan centran organizon. La L. K. K. post interkonsento kun la samideanoj de la frata urbo Sevilla aranĝos postkongresan ekskurson tien kaj ankaŭ al Granada, tiel ke la kongresanoj havos okazon vidi kaj admiri la tri trezorojn andaluziajn: Sevilla, Granada kaj Córdoba. Kongreskotizo: 5 pesetoj, blinduloj senpage. — Adreso por korespondaĵoj: S-ro José Berger, Córdoba, Claudio Marcelo 18; adreso por monsendo: S-ro Juan Serrano Olmo, Córdoba, calle Reloj 1.

## 12. Katalunia Esperantista Kongreso.

21—24 majo 1925 en Palma de Mallorca.

Venu, karaj gesamideanoj, venu tien ĉi, ĉar insulo Mallorca atendas vin kaj la Palmaj samcelanoj deziregas ĉirkaŭpremi la pretermarajn esperantistojn por kunfratiĝi kun ili dum kelkaj tagoj, en kiuj okazos la solena XII. Kongreso de Kataluna Esperantista Federacio kaj la XI. Internaciaj Floraj Ludoj, kies okazintaĵoj estos ŝajne tre sukcesaj kaj brilaj, laŭ informoj ricevitaj pri nia festaro, kiun honoros, krom niaj katalunaj amikoj, samideanoj el diversaj landoj. Ni tre esperas, ke kune kun la pioniroj de nia movado neesperantistaj personoj ankaŭ venos por viziti nian ĉarman insulon, kiel ĝi estas nomita de fremduloj, kiuj jam vizitis ĝin. Por ĉiuj nia proksima kongreso estos interesa, do, post la laborkunsidoj, Floraj Ludoj, oficiala festeno ktp., la kongresanoj dezirontaj ekskursi tra nia bela Mallorca povos fari tion por kio kaj por ke la samideanaro detale sciu prezojn de la ekskursoj, tempon por efektivigi ilin, kondiĉojn de loĝado ĉe hoteloj, koston de marveturo kaj de fervoja vojaĝo, kongreskotizon kaj aliajn sciigojn pri nia venonta kongreso kaj ĝiaj amuzaĵoj, ni publikigos en nia presorgano „Kataluna Esperantisto" la decajn informojn kaj notojn.

Decidiĝu, estimataj gekunbatalantoj, ĉeesti nian kongreson; pretiĝu por sukcesigi ĝin; entuziasme iru antaŭen, daŭrigu vian laŭdindan agadon kaj kiel ĉiam pruvu al la tuta mondo, ke nia kara Esperanto ne estas mortinta lingvo, ke la kreskaĵo de nia Majstro jam estas praktika kaj utila helplingvo por ĉiaj servoj kaj homaj bezonoj; klopodu por varbi al nia movado plej grandan nombron da novaj samlingvanoj por la gloro de nia sankta afero kaj por la baldaŭa venko de ni dezirata; faru tion, mi petas, por honori la rememoron de la senmorta kaj neforgesebla D-ro Zamenhof.

Tial, ke dum nia kongreso okazos la festo nomita Floraj Ludoj, al kiu prezentas literaturaĵojn ĉiulandaj verkistoj, mi altiras la atenton de la gesamideanoj, kiuj ankoraŭ ne gajnis premion je la antaŭaj literaturaj konkursoj same, kiel de tiuj, kiuj ne kuraĝis prezenti siajn verkaĵojn al la ĝisnunaj okazintaj konkursoj, pri tio, ke ili sentime decidu partopreni la nomitan literaturan feston. La listo de premioj por niaj proksimaj Floraj Ludoj estas tre grava kaj pli facile ol neniam estas kredeble, ke multaj samideanoj estos premiataj, pro la multenombraj temoj laŭvolaj. La granda nombro da premioj estas sendube la unua sukceso atingita de la Organiza Komitato, kiu deziregas, ke aliĝu kaj ĉeestu nian kongreson krom fremdaj samideanoj la esperantistoj el ĉiuj hispanaj regionoj, kiujn ni tutkore kaj frate invitas por tiu celo. Atentu do nian alvokon, karegaj kamaradoj!

Ĉiuj geesperantistoj venu al insulo Mallorca dum la venonta majo por honori nian kongreson!

Ni entuziasme kaj sincere atendas vin. Koran saluton al ĉiuj ĝis kiam estos eble povi ĉirkaŭpremi vin kaj amike premi viajn manojn.

*Narciso Bofill*
Prezidanto de la Organiza Komitato.

## Centra Dana Esperantista Ligo.

Oficiala raporto, januaro 1925.

Post la somera libertempo la diversaj danaj Esperanto-societoj, Kopenhagaj kaj provincaj, daŭrigis la laboron diversmaniere.

Pri *„Odense Esperanto-Societo"* la prezid. S-ro A. Christensen komunikas: „Esperanto-ekspozicio okazis sukcesplene. — Nova kurso (24 lern.) komencis. Nun estas en Odense 2 kursoj por infanoj, unu por komencantoj kaj unu por progresantoj krom kelkaj personoj private instruataj. Ĵurnalisto de granda ĉiutaga gazeto en Odense estis invitita ĉeesti instrulecionon de komencanta kurso. Sekvantan tagon li skribis artikolon de unu kolono pri Esperanto en la gazeto. — La turisma societo de Odense propagandas per Esperanto, kaj interlaboro kun la urba pacpropaganda societo komenciĝis."

S-ro Hvorslev rakontas pri *„Aarhus Esperanto-Societo"*: „La 14 oktobro okazis en „Aarhus Esperantoforening" propaganda parolado de F-ino Elise Jacobs, delegito de UEA en Flensburg, Germanujo pri „Esenco, celo kaj disvastigo de Esperanto" antaŭ 70 personoj. La delegito de UEA en Aarhus, S-ro C. A. Hvorslev, tradukis la paroladon danen."

S-ro G. Hinrichsen, la prezidanto de *„Konversacia Esperantista Klubo"* de Kopenhago sendis al ni jenan raporton: „KEK komencis sian sezonon la 2 Oktobro per parolado de S-ro M. Blicher pri la XVIa Universala Kongreso de Esperanto en Wien (Aŭgusto 1924). Post la parolado S-ro Blicher montris belajn lumbildojn de la kongresurbo. La 16 Oktobro F-ino Asta Mikkelsen rakontis pri sia somera restado en Sud-Jutlando. La 6 Novembro S-ino Louise Blicher faris paroladon pri la temo „Por kaj kontraŭ internacia helplingvo." La 20 Novembro S-ro G. Hinrichsen laŭtlegis la novelon „La Lasta" de la pola aŭtoro Wladimir Reymont. La 11 Decembro okazis kristnaska festo kun belaj kristnask-arboj kaj donacoj. Tiun vesperon ankaŭ estis koncerto de S-ino Caroline Hinrichsen kaj F-ino Ellen Forchhammer.

Koncerne la laboron de *„Societo de Danaj Esperantistoj"*, Kopenhago, la prezidanto F-ino Margrethe Noll skribis al ni jene: „En la fino de Junio F-ino Margrethe Noll faris propagandparoladon tra la radiofono en la militista stacio Ryvang. Multaj alvenintaj leteroj rakontis, ke la parolado bone sukcesis kaj vekis grandan intereson. La societo komencis sian sezonon la 18an de oktobro kun parolado de F-ino Agnes Melchior [estrarmembro] pri „Esp. kaj ĝia signifo por la blinduloj". Ĉeestis ĉ. 60 personoj i. a. la por-blindula societo „Kjaden" [la ĉeno] estis reprezentita de sia prezidanto, kortega ĉambrelano S-ro Kragh. Kun vera intereso la ĉeestantoj aŭdis pri la granda organiza laboro, kiu estas farita de la blinduloj pere de Esperanto. Dank' al la fervora laboro de F-ino Melchior, la kvar blindulaj societoj en Danlando donas ĉiujaran grandan monapogon al la gazeto „Esperanto-Ligilo".

En proksima numero de „Esperanto" ni raportos pri la laboro de la reprezentantaro de C. D. E. L.

# KRONIKO.

## Aŭstrio.

La „Aŭstria Laborista Ligo Esperantista“ (prez. samideano J. Slezak) estis en Junio 1924 reorganizita kaj havas nun pli ol 300 membrojn, 7 lokajn grupojn en Wien kaj 14 en la provinco. En la lastaj monatoj estis pli ol 1000 Esp.-lernolibroj por laboristoj disvenditaj.

## Belgio.

*Antwerpen.* Aperis belaspekta 8-paĝa gvidfolio de Antwerpen, havebla per la delegito de UEA aŭ rekte de la Urba Propaganda Informservo.

## Bulgario.

La nuna registaro malsimpatie rilatas al Esperanto pro certaj politikaj konsideroj. Dum la lasta „Verda“ propaganda semajno en multaj lokoj la esperantaj kunvenoj estis malpermesataj; alie oni devis subskribi iajn deklarojn kaj kelkloke oni malpermesis eĉ la gluadon de la propagandtekstaj afiŝoj. Spite ĉio la Esperanto-movado gajnas ĉiam novajn poziciojn kaj ju pli ĝi estas persekutata, des pli ĝi gajnas la simpation de la popolo, iĝante ĉiam pli ampleksa popola movado.

Meze de aprilo 1924 aperis la tria eldono de lernolibro, eldonata de B. E. S. en 5000 ekz. Komence de decembro de la sama jaro restis nek ekzemplero de tiu ĉi eldono kaj ĉiutage la librovendoj plimultiĝas. En malgranda urbeto Leskovec dum la somero 150 personoj lernis Esperanton hejme, pro la malpermesoj de la policestro. Nun en vilaĝo Ĉiprovci ap. Ferdinand, kies tuta loĝantaro nombras ne pli ol 2—3000, funkcias kurso kun 80 partopr. Jam restis apenaŭ kelkaj urbetoj sen Esper. grupo.

Semajna ĵurnalo „Svoboda“ havas konstantan rubrikon por priesperantaj sciigoj. En alia semajna gazeto laborista aperis sinsekve kelkaj artikoloj pri Esperanto kaj unu pri *Ido*. Konklude la redaktoro mem deklaris, ke Ido-afero estas nesubteninda, ĉar ĝi dividas la fortojn de la batalantoj por internacia lingvo. Estonte lia gazeto enhavos rubrikon por Esperanto, la sola internacia lingvo.

*Komerca Eksperimento.*

La Komerca kaj Industria Ĉambro en Sofia prenis sub sian protekton la kurson por komercistoj kaj donis subvencion da 2000 levoj.

Ankaŭ la Komerca kaj Industria Ĉambro en Ruse protektas la kurson por komercistoj, gvidota en tiu urbo kaj donis senpagan ejon kun hejtigo kaj lumigo. Pro manko de antaŭvidita sumo en la buĝeto por tiaj celoj, ĝi ne donis ankaŭ monon, sed promesis voĉdonigi subvencion en la printempa kunsido de la Administra Konsilantaro.

## Ĉinlando.

*Peking.* Jam duan jaron ekzistas Pekina Esperanto-Kolegio (P. E. K.), kiu nun havas 50 studentojn kaj 10 instruistojn. Esp. estas la ĉefa instruobjekto; instruistoj estas ĉino Sinsoo Ĉen kaj ruso J. Seriŝev. La 15. XII. okazis Zamenhoftaga festo; ĉinoj paroladis ĉine kaj esperante paroladis rusoj *G. Sofoklov* pri „Elektrizo de lernejo kaj rolo de Esperanto“, interpretita de ĉina studento de Rus-ĉina jura kolegio kaj *J. Seriŝev* pri „Kunfratiĝo de Oriento kaj Okcidento“ (kaj eldono de bela ilustrita peresperanta „Revuo de Oriento“), kiel praktika uzado de Esperanto por alta celo, montrita de Zamenhof mem, interpretita de studento Ĉan-con-lin, ĉeestis 100 geaŭskultantoj.

Loka ĉina gazeto „Go-fen-ĵi-bao“ akurate ĉiusemajne eldonas kaj dissendas senpage ĉiulingvan propagandan priesperantan okpaĝan ĵurnaleton „Esperanto semajne“, kie kunlaboras studentoj de PEK.

La ĉina gazeto „Nacia kutimo“ publikigas en ĉina lingvo la specialan ĵurnaleton semajnan „Esperanto“, kiun ĝi senpage dissendas al siaj abonantoj kaj transdonas al PEK por la disdono.

La Societo en *Ĥanĉu* eldonis bonan 300 paĝan vortaron esperanta-ĉinan. Post du monatoj aperos la ĉina-esperanta parto.

La Kolegio eldonis „Legolibron de Esperanto“, eltirita el Fundamenta Krestomatio kaj kunmetita de instruisto S-ro Sinso Ĉen.

Estas dezirinde, ke korespondemuloj kunligiĝu kun ĉinaj studentoj per mi *J. Seriŝev,* Pekino, (Esp.-Kolegio.)

## Franclando.

*Nice,* en la „Vegetarana Hejmo“, 2 Rue Fodéré, Esp.-kurso ĉiumarde kaj ĉiuvendrede.

*Annecy* (Hte. Savoie). Nova kurso komenciĝis.

*Saint-Omer.* La urba grupo reorganiziĝas.

Sub la protektado de la Komerca Ĉambro kaj de la Radio-Klubo, kurso okazos ĉiusemajne en ejo afable proponita de la urbestraro.

## Germanio.

*Essen* [Ruhr]. Post propaganda parolado en la ĉefpoŝtoficejo S-ro poŝtinspektoro Mollenhauer malfermis la 2 Decembro vigle vizitatan kurson kun 38 poŝt- kaj telegrafoficistoj. Poŝta grupo estos fondata. Adreso de la kursgvidanto: Essen [Ruhr], Virgiliastr. 5 [Germánio].

*Herne* [Vestfalio]. Fondiĝo de grupo de G. E. A. kun 43 membroj. Prezidanto: instruisto Rony Oehmig; kas. kaj bibl.: Theod. Passehl; sekr. S-ino Mimi Wynandt; Oficejo: Oehmig, Altenhöfenerstr. 18.

## Hungario.

*Gyöngyös.* S-ro Hugai Ferenc, UEA-delegito, malfermis kurson kun pli ol 100 personoj. Li oferis sian privatlernejon por la grupoj Zamenhof, Privat kaj Giesswein, por kiuj li donas kvin lecionojn semajne. S-ro Fenyö Ferenc, ŝtonmineja direktoro, helpas al li donante unu lecionon al la grupo Baghy. Laboras krome F-ino Szendrey Julia kaj la vicdelegito Schwartz Kálmán, kiuj gvidas kurson en la „komerca kurso“ de l' Komerca Klubo. La nombro de la esperantistoj estas 130, el kiuj 47 estas la membroj de UEA, 25 estas membroj de la Hungara Esperantista Societo.

(Rim. de la Red.: Tio estas modela laboro. Se multaj sekvos tiun ekzemplon, nia asocio baldaŭ transpasos la nombron de nepre bezonataj 10000 membroj.)

*Györ.* La grupo decidis, ke ĉiu membro devige estas membro de UEA, kio plialtigas tie la membrociferon de UEA-anoj je proksimume 50. (Tre imitinda! Red.)

## Japanlando.

*Osaka.* Post longa dormo, grupo en tiu ĉi urbo refondiĝis sub la nomo de Osaka Esperanto-Asocio kiel filio de Japana Esperanto-Instituto la 10. oktobro 1924. La unuan kaj trian mardon de ĉiu monato (du fojojn monate) meznombre 15 samideanoj kunvenas kaj paroladas ĉe kunsidejo, oficejo de S-ro Tokujiro Yoneda, 1 chome, Kamidori, Kycmachibori, Nishiku, Osaka.

## Nederlando.

La 24 Januaro S-ro J. Ravestein, delegito en *'s Gravenhage* faris lumbild-paroladon por la Societo de estontaj instruistoj, en la komunuma „Kweekschool" en *Rotterdam* pri „Esperanto kaj ĝia praktika valoro" kaj pri „Kongresa vojaĝo al Finlando". Pli ol 200 personoj ĉeestis. La sukceso estis granda.

Rimarkindaj estis la lumbildoj pri reklamiloj [grandparte el la jarlibro de UEA] de la specimenfoiroj, kiuj uzas Esperanton.

## Persio.

*Tabriz.* La 26. 12. okazis Zamenhofa Vespero kaj ĝenerala kunveno de membraro de Tabrica Esperantista Societo, por elekti novan estraron, en la domo de S-ro Ali-Akber Nemseĉi, delegito de UEA. Okazis esperanta-historia, propaganda kaj organiza paroladoj. Per skribaj voĉoj oni elektis S-rojn Hedajetulah Ĥan Ĝavid, prezidanto; Ali-Akber Nemseĉi, sekretario-kasisto; Murteza Ĥan Eftehar-Zade, bibliotekisto; Habibulah Ĥan Ĝavid Seid Ŝafi Tabatabai, konsilantoj. — Organiziĝis Esperanto-Propaganda Grupo. — Esperanto-kurson gvidas S-ro Ali-Akber Nemseĉi.

*Sultanabad* (Arak). Unua esperanta kurso en nia urbo malfermiĝis en 1922, partoprenis 20 persaj lernantoj, bedaŭrinde je la manko de lernolibroj por persoj unua provo ne sukcesis. En 1923 aperis lernolibro de nia Teherana fervora samideano Bahmen Ŝidani, kiu estis bela okazo por malfermi denove esperantajn kursojn. En lernejo Abasabad kurso kun 9 personoj finiĝis. Alia parto forrestis. En nuna jaro (1924) ni havis trian kurson, kiu daŭras ĝis nun. Kursoj gvidis kaj gvidas nia Tabriza samideano Vaghinak Sarkisjan. Antaŭ nelonge Teherana samideano Reza Taheri alvenis al Sultanabad kaj nun malfermis ankaŭ unu kurson por 8 personoj.

La 14. novembro fondiĝis Esperantista Grupo de Sultanabad. S-ro Jazlola Ĥan Parvin estas elektita kiel prezidanto de grupo kaj S-ro V. Sarkisjan kiel sekretario-kasisto. — Je nia granda bedaŭro pasintan semajnon forveturis de nia urbo kapitano Abas Ĥan, unu de nia plej fervoraj samideanoj kaj propagandistoj inter militistaro. — Lastatempe dank' al laboro de Teheranaj samideanoj aperas artikoloj en ĉefurba gazetaro. Tiuj artikoloj ne malmulte faciligas nian laboron en tiu ĉi provinca urbo, ĉar ne ekzistas loka gazeto.

Oni decidis organizi ĉiumonate esperantan vesper-kunvenon kun partopreno de esperantistoj kaj iliaj amikoj. Unua vesper-kunveno okazis 9. januaro ĉe S-ro R. Taheri pri esperanta movado perslingve por gastoj. Ni estus tre dankemaj, se eksterlandaj samideanoj sendus al nia grupo esperantajn ĵurnalojn, librojn aŭ propagandilojn laŭ jena adreso: Sultanabad-Arak, Persio, Esperantista Grupo.



Kelkaj el nia persa batalantaro. — La estraro de la grupo de Sultanabad (Arak).
De maldekstre dekstren: S-ro R. Taheri, S-ro Vaghinak Sarkisjan, S-ro Kapitano Abas Ĥan, S-ro Fazlola Ĥan Parvin.

## Pollando.

*Katowice.* Asocio de Esperanto-amikoj malfermis kurson kun 24 partoprenantoj. Kursgvidanto S-ro Jan Tichawski.

*Lublin.* En distrikta unuiĝo de popollernejaj instruistoj S-ro Kpt. St. Lelek faris paroladon pri Esperanto. Oni komencis kurson por instruistoj kun 10 partoprenantoj. Unu el lokaj popollernejoj tiucele senpage disponigis sian ejon.

— La 19. januaro en ejo de Pola Esperanto-Asocio okazis kunveno de UEA-membroj kaj ĝiaj simpatiuloj, kunvokita de S-ro delegito Cz. Pruski. Ĉeestis 39 partoprenantoj, prezidis la kunvenon S-ro D-ro Medrkiewicz; dank' al parolado de S-ro S. Przybyszewski tuj enskribiĝis al UEA multaj novaj membroj. Loka esperantistaro sukcesis konkeri jam ĉiujn lublinajn ĉiutagajn gazetojn. Kursoj estas gvidataj konstante, babiladkunvenoj en „PEA" (Namiestnikowska 37) okazas regule ĉiulunde kaj vendrede de 7 ĝis 8 vespere.

*Warszawa.* Pola Akademia Esperantista Societo fondita nun en aŭgusto 1924, aranĝis kurson kun 25 novaj membroj, gvidatan de S-ino Eugenie Cense. Ĉiuvendrede okazadas kunvenoj, dum kiuj estas legataj referatoj, raportoj ktp.

## Rumanio.

*Alba-Julia* (Transilvanio). 7 januaro festkunveno de la loka Esperanto-grupo „Andreo Ĉe". Gasto S-ro A. Toader (Teiuŝ). Ankaŭ S-ro Ĉe ĉeestis.

*Bucuresti.* Post foriro de pastro Ĉe kortuŝite adiaŭita de la tuta rumana esperantistaro pro lia apostola agado por nia afero, oni reorganizis la Rumanan Esperanto-Centron. Direktanto restis S-ro H. Fischer, L. K.; ĝenerala sekretario S-ro T. Morariu, novaj: kontisto S-ro E. Grund, sekretarioj: S-ro H. Harabagiu (Prot. Kom.), S-ro M. Weidenfeld (UEA-aferoj), S-ro Prager (L. M.).

La librejan fakon de Esperanto-Centro Rumana transprenis la firmao Bibliofila. Mendojn por libroj adresotaj al Bibliofila, Str. C. A. Rosetti 2, Bucuresti. — La eldonejo de unu el la plej legataj bukureŝtaj taĝjurnaloj „Universul“ komencis publikigi Esperanto-kurson en sia popolscienca revuo „Ziarul Ŝtiintelor ŝi Calatoriilor“ (gazeto de sciencoj kaj vojaĝoj). La kursan rubrikon lerte gvidas S-ro M. Wurmbrand.

*Cluj* (Transilvanio). La 6. januaro la kluja esperantistaro are kunvenis en kafejo Palace. Oni priparolis la aranĝon de publika prezentado arta. Aranĝanto S-ro D-ro L. Löcsey.

— Esperanta kurso de S-ro profesoro Cornea finiĝis.

*Targu-Mureŝ* (Transilvanio). Nova kurso komenciĝis.

*Timiŝoara* (Banato). Nova kurso komenciĝis en la Fervojista Hejmo de C. F. R. por 20 personoj. Instruas samideanoj Balint kaj Dioszegi.

## Saar-teritorio.

*Esperanto-Ligo Saarteritorio.*

La 4. januaro 1925 okazis jara ĉefkunveno en Saarbrücken, gastejo Horch. Prezidanto S-ro Krämer faris raporton pri la pasinta sukceshavinta jaro. La novelekto de la estraro rezultigis: 1. prezidanto S-ro Krämer, 2. prezidanto S-ro Gerlach, sekretario S-ro Schenkel, kasisto S-ro Warth. Post administra parto sekvis paroladoj. Malgrandan amuzan parton plenumis S-ino Bonaventura kaj S-roj Niebling kaj Kolon. Ĉeestis ĉirkaŭ 70 pers.

## Sudslavio.

*Brčko.* Kurso gvidata de S-ro Klimek trifoje semajne sub la protekto de kultursocieto „Jugoslovenski Klub“ kun 15 partoprenantoj.

## Svislando.

*Burgdorf.* Post interesa parolado de S-ro Schmid el Bern komenciĝis kurso kun 9 partoprenantoj sub gvidado de F-ino M. L. Kapfer el Bern. La direktoro de Kantona Teknika Lernejo bonvole cedis lernejon por faciligi la kurson.

## Usono.

*San Francisko.* La 15. decembro 1924 okazis Zamenhofa tago, pli ol 75 personoj kunvenis en 1212 Market St. Muziko, kanto, parolado pri vivo de D-ro Zamenhof per Brewster F. Ames, prezidanto de Esp. Assn. of California, Inc.; legado de esperanta traduko de „Ifigenio en Taŭrido“ per F-ino Hedwig Reicher, kiu ludis la rolon de Ifigenio.






### Aŭstralio.

*Melbourne.*

Ĉe la kunveno de instruistoj okazinta en Melbourne la 7. novembro 1924 fondiĝis la Viktoria Instruista Esperanta Asocio. Tiu ĉi organizaĵo, kiu konsistas el instruistoj el privataj kaj ŝtataj lernejoj, havas por sia celo la disvastigon de Esperanto inter infanoj. La asocio deziras interkorespondadi kun similaj organizaĵoj en aliaj landoj. La sekretariino estas: F-ino F. Mitchell, 432 Burke Rd., Camberwell, Melbourne, Aŭstralio.

### Ĉinlando.

*Peking.*

Esp. lecionoj estas en la programo de Rus-ĉina jura kolegio, gvidas ĉe la 3, 4, 5a klasoj ruso S-ro G. Sofoklov (Peking, poste restante). Estas esp. leciono en la Fremdlingva kolegio, gvidas J. Seriŝev.

### Franclando.

*St. Omer.*

En la Liceo okazas lunde kaj merkrede du kursoj por la liceanoj, entute estas pli ol 80 lernantoj.

### Germanio.

*Breslau.*

En la meza lernejo rektoro Driessler kaj du instruistoj instruas Esperanton en la superaj klasoj. Lastjare antaŭ Pasko 24 lernintoj faris la ekzamenon pri kapableco. Krom tio S-ro Driessler instruis kvar geinstruistojn. Ili faris lastsomere la ekzamenon pri scienca pedagogia kapableco.

*Gotha.*

Kun permeso de la respondeca lerneja konsilanto S-ro Ernst Linde, supera instruisto, depost Pasko 1924 instruas Esperanton en supera klaso de knabinoj de la ĉi tiea popollernejo unu horon ĉiusemajne kun 33 infanoj.

*Herne i. W.*

En januaro S-ro R. Oehmig komencis du popolaltlernejajn kursojn por 40 progresintoj, inter kiuj estas 16 geinstruistoj, 2 policistoj, kelkaj fervoj-, poŝt- kaj urbopolicistoj, komercistoj kaj 2 redaktoroj.

*Magdeburg.*

La urba lerneja deputacio decidis post Pasko enkonduki la Esperanto-instruadon en la mezaj kaj popolaj lernejoj. Laŭ ordono de la lerneja konsilisto Löscher la instruado pri Esperanto estas konsiderata same kiel alia instruado kaj la instruistoj ne bezonas transpasi la fiksitajn oficialajn instruhorojn. La deputacio jam aranĝis du kursojn por instruistoj, gvidatajn de S-roj Rockmann kaj Wottrich.

Post Pasko S-ro Rockmann gvidos kurson en la popolaltlernejo.

*M.-Gladbach.*

Esperanto estas enkondukita en la komercan privatlernejon de Bernhard Levor, kies direktoro fariĝis esperantisto kaj membro de nia asocio.

### Italio.

*Milano.*

La Milana Komunumo malfermis tri kursojn de Esperanto en tri malsamaj lernejoj.

**Persio.**

*Sultanabad.*

La 1. decembro la grupo malfermis novan kurson en loka Popola Legejo sub la gvido de S-ro Fazola Ĥan Parvin. Lernas 15 personoj. Ni tutkore dankas Direkcion de Popola Legejo por sia volonta akcelo.

**Pollando.**

*Lublin.*

S-ro Jubel gvidas kurson en gimnazio por 40 lernantoj.

*Warszawa.*

En januaro malfermiĝis „Kommercium“ (komercaj kursoj kaj fremdaj lingvoj). Gvidas D-ro Winawer. Krom pri komercaj objektoj oni instruas fremdajn lingvojn inkluzive Esperanto devige. Krome oni instruas devige Esperanton en komercaj kursoj de S-ro Sekulowicz (gvidas konata esperantisto adv. Leo Belmont) kaj en privataj kursoj de fremdaj lingvoj (nedevige).

**Usono.**

*Minnesota.*

Ĉe la universitato S-ro profesoro Clark gvidas vesperan kurson de 17 personoj.

## Nia propagando inter la hotelindustrio.

Dum nia movado je la kampo de turisma propagando, kvankam ne per grandegaj paŝoj, tamen almenaŭ antaŭenmarŝas, ni devas konfesi, ke inter la hotelindustrio ĝi estas ankoraŭ modesta. Kaj tio kvankam hotelindustrio kaj turismo estas intime interligataj unu kun la alia, kiel ankaŭ la malfacilaĵoj devenantaj el la lingva diverseco preskaŭ nenie estas pli bone konstateblaj ol ĝuste en la grandaj hoteloj. Ni ja scias: en ĉiuj kuraco-, sporto- aŭ turismo-centroj aŭ en grandurboj ĉiu hotelmastro kaj la tuta geoficistaro servantaj la fremdulojn estas devigataj scipovi du ĝis tri aŭ eĉ pli da naciaj lingvoj. Por tia lingva eduko ili oferas multe da tempo kaj mono. Mastroj kaj oficistaro estas en preskaŭ ĉiuj landoj, same kiel internacie, tre bone organizitaj kaj posedas multe da perfektigaj institucioj, kiuj antaŭ ĉio favoras la lingvo-instruon. Tamen ĝis hodiaŭ mi legis nur de unu el tiuj fakaj lernejoj pri instruo de Esperanto. Nur malofte ankaŭ estas artikoloj poresperantaj aŭ sciigoj el nia movado en fakaj gazetoj de hotelistoj kiel de la oficistaro. Ŝajnas kvazaŭ Esperanto estus ne necesa por la hotelindustrio; sed tamen precize la kontraŭo estas prava.

Oni permesu al mi elparoli la ĝis nun ricevitan impreson, ke ĉie inter la hotelindustrio nia propagando ŝajnas esti tre, eĉ multe tro nesufiĉa. Certe estos nia celo ne eĉ duone atingita per la ankaŭ pli ofta apliko de Esperanto kiel „propagandakaj prospektlingvo“; la dua, multe pli grava punkto estas, ke oni *parolu* nian lingvon en la hoteloj — ke la vojaĝanto trovu en iu lando aŭ kontinento — hotelmastrojn kaj geoficistaron scipovantajn la helplingvon Esperanto. Tiam nur ĉiu povos trankvile vojaĝi ĉien kaj ni estos denove kelkajn paŝojn pli proksimaj al nia granda celo de la „dua post la gepatra lingvo“.

Al mi ŝajnas tiu propagando inter la hotelindustrio nepre samvalora je tiu inter la komerca aŭ aliaj fakoj. Sed ankaŭ ĝi postulas laboron. La unuan paŝon devas fari opaj samideanoj: pli regula kaj pli ofta varbado por Esperanto en la faka gazetaro de organizoj hotelindustriaj ol ĝis nun kaj instigi la enkondukon de „Esperanto-anguloj“. La laŭplana, celkonscia laboro tiam povas esti laŭ mia opinio nur tasko de naciaj societoj kaj de UEA, ĉu per konferencoj, ĉu per eksperimentoj similaj al la nuna en komerca ako aŭ alimaniere. La vasta sfero de la hotelindustrio estas unu el la plej gravaj kampoj por nia movado en kiu ni ankaŭ devas antaŭenmarŝi.

*P. Hofer*, Hägendorf.




**Ni petas la samideanaron nepre informi nin pri ĉiu Esperanto-aranĝo en radio-sfero. Oni disvastigu niajn notojn en la gazetaro.**

☆

*Aberdeen* (*Britlando*)

La 6. 2. S-ro Jarvis, prezidanto de la grupo faris paroladon de la stacio 2 BD en angla kaj Esperanta lingvoj.

*Bregi-Koprivnica* (*Sudslavio*)

Ĉi tiea Esp.-Klubo ricevis de Ministerio por Internaj Aferoj permeson instali radiotelefonan ricev-aparaton.

Do, la nomita klubo estos unua Esp.-Klubo en Jugoslavio, kiu posedos sian propran radiotelefonon.

La intereso inter la geloĝantoj estas granda. La aparato faciligos la por-esp.-propagandon per kaptado de esp. paroladoj en eksterlando.

*Breslau* (*Germanio*)

Post finiĝo de la radio-kurso por komencantoj daŭradas kurso por pliperfektigo, dank' al unuigitaj klopodoj de Eklezia Konsil. Prof. Ed. Becker, Rektoro Driesler kaj instruistino Polier.

*Frankfurt a. M.* (*Germanio*)

Okazis vigla disputo inter esperantistoj kaj la prezidanto de la Germana Ido-Federacio, D-ro Auerbach. En „Radio-Umschau“ aperis komparo inter ambaŭ sistemoj. Kvankam la esp. teksto estas farita de esperantisto, la komparo estas erariga. La redakcio de „R. U.“ en tio ludas neklaran rolon kaj kaŭzis proteston de la esperantistoj.

En speciala programo „La diskuto“, libera parolejo por akcelado de idea interŝanĝo D-ro Auerbach parolis pri Ido kaj Esperanto per konataj argumentoj kaj parte malkorektaj asertoj. Studokonsilisto Prof. D-ro Büttner [Offenbach a. M.] trafe respondos al la falsaj informoj kaj erarigaj asertoj per radio-parolado. La radio-stacio mem sin deklaris neŭtrala pri la afero, sed de longe favoras Esperanton per permeso al kurso de komencantoj [finita] kaj nun ankoraŭ daŭranta kurso por pliperfektigo.

*Köbnhavn* (*Danlando*)

Kiel ni sciiĝas la tiea esp. aranĝado estas regula ĉiusemajna [merkrede, $9^{30}$ — 10 h. Ondolongeco 775].

*Königsberg i. Pr.* (*Germanio*)

De tiu stacio S-ro Schattat donas Esp.-kurson ĉiun merkredon kaj sabaton de $19^{30}$ — 20 h. Ondolongeco 463.

*Leipzig* (*Germanio*)

Esperanto en servo de la Olimpiado.

La 3. 2. de 9 — $10\frac{1}{2}$ h. okazis esp. disaŭdigo pri la konkursrezultatoj de l' vintrosporto en Schreiberhau.

*Milano* (*Italio*)

La 8. I. 1925 ĉe la loka Radioteknikista Klubo oni malfermis kurson de Esperanto por radio-amatoroj.

Unuanime aplaŭditaj paroladis D-ro Filippetti pri la lastaj progresoj de la Esperanto-movado kaj Ing. Plouskier, kursgvidanto, pri Scienco-tekniko kaj Esperanto.

*Minneapolis St. Paul (Usono)*

Dum la internacia radio-disaŭdigo-semajno la stacio WCCO dissendis esp. salutojn duĭoje ĉiunokte.

*Oakland (Kalifornio)*

S-ro Edward M. Rosher faris paroladon pri E. de stacio KGO.

*Reichenberg (Ĉeĥoslovakio)*

Speciala radio-aranĝo.

Laŭ instigo de Germana Esperanto-Ligo en Ĉeĥoslovakio la Germana Radio-Klubo en tiu urbo kune kun la „Gazeto de Reichenberg" aranĝis la 22. 1. propagandan vesperon kun speciala programo sendita el du eksterlandaj stacioj: Königswusterhausen [Germanio] kaj Genève [Svislando]. En K. parolis S-ro telegrafa direktoro Behrendt pri „La lingvo de la radio-telefonio [germane] kaj sekvis kantoj kaj alparoloj en Esperanto de F-ino Nickel, S-roj Liebeck kaj Ellersiek. En G. parolis S-ro D-ro Privat pri la ĝenerala disvastiĝo de Esperanto, kaj ĝia uzo en radiotelefonio en franca lingvo kaj en Esperanto.

Aŭskultintoj alilokaj bonvolu sendi informojn pri la rezultato al „Germana Radio-Esperanto-Ligo", Berlin SW 61, Wilmsstr. 5 aŭ al „Germana Esperanto-Ligo en Ĉeĥoslovakio", Reichenberg i. B., Klotildenstr. 6.

*San Francisco (Kalifornio, Usono)*

Brewster F. Ames, delegito, legis el la Nova Testamento en Esperanto de l' radio-stacio KPO.

*Stuttgart (Germanio)*

Okazis ĝis nun du paroladoj pri Esperanto, unu pri Ido. Kiel rezultato komenciĝis la 5. 2. kurso de Esperanto kaj daŭros ĉiun ĵaŭdon vespere. (Ondolongeco 443.)

*Warszawa (Pollando)*

En pasinta jaro Varsovia „Radio-Amator" [Zielna str. 20] aperigis en siaj unuaj numeroj artikolojn pri Esperanto kaj Ido. Dank' al klopodoj de esperantistoj redakcio de „R.-A." alkliniĝis al Esperanto kaj decidis de 1925 j. presi la titolon ankaŭ en Esperanto, krome esperantajn artikolojn kaj esperantan resumon. Esperantaj kunlaborantoj estas ano de Akad. Esper. Rondo.

*Radio-Movado en Hungario*

Nur dum januaro oni preparis la aperigon de definitiva radio-leĝo. Pro tio antaŭe estis malhelpita ne nur la radiomovado mem, sed ankaŭ nia propagando en radio-sfero.

De januaro reaperas regule radio-gazeto Magyar-Rádió Ujság en Budapest. Kiel antaŭe ĝi havas nun regulan rubrikon en Esperanto, el kiu ni ĉerpas tiun ĉi informon resumite.

Interesatoj skribu en Esperanto al la redakcio laŭ adreso: Városház u. 10, Budapest IV.

*Granda sukceso de esp. radio-kursoj*

Post komenciĝo de l' perradia kurso en Münster oni vendis ĝis nun jam 400 lernolibrojn.

Al tiu informo ni povas aldoni, ke okaze de l' kurso por komencantoj en Frankfurt a. M. siatempe vendiĝis ne malpli ol 1200 lernolibroj.

---

*Svislando*

Laŭ decido de la Svisa Poŝta kaj Fervoja Ministerio la Ĝenerala Direkcio de Svisaj Telegrafoj akceptos de post 1. Januaro la telegramojn en Esperanto kiel „lingvo klara" en la interna servo.

 LINGVAJ STUDOJ 

## La kresko de nia vortaro

de *Petro Stojan.*

Se ni pense retroiros ĉiujn ŝtupojn, kiujn trairis esperanta radikaro, de la unua Folivortareto de 1887 kun 900 radikoj, ĝis la lasta oficiala radikaro 1922 kun 4293 lingveroj, ni sur ĉiu ŝtupo rimarkos duoblan metodon de la vortara pliriĉigo. Unuflanke ni vidos radikojn enkondukitajn „por ĉia okazo" per volo de vortaristo; duaflanke ni trovos radikojn, aperintajn laŭbezone kaj uzitajn en la tekstoj antaŭ ol ili estis envortaritaj. Tre ofte la radikoj „porokazaj" restas sen apliko, estante morta provizo, kvazaŭ balasto, taŭga eble nur por montri al la neesperantistoj ke nia lingvo jam estas „preta". Tiaj estas ekzemple la radikvortoj: *akvilegio, ambrozio, anagalo, bazilisko, berilo, eklogo, endivio, gerundio, logogrifo, onobriko,* . . .

Alispecaj estas vere necesaj radikoj, kiujn la vortaristoj devis vole-nevole akcepti, kiam la uzado ilin jam delonge igis tre konataj. Tiaj ekzemple estas: *adreso, aeroplano, afiŝo, agento, apliki, barako, bileto, binoklo, deponi, fakto,* . . . Pro ia stranga psikeco, la samaj viroj kiuj volonte akceptadis kaj aprobadis tiajn tro teknikajn radikojn kiaj ja estas *onobriko, logogrifo,* la samaj longe kontraŭstaris la tute urĝajn vortojn en la speco de *bileto, filio, grimpi, kariero, medio, socia,* . . . ktp.

Nun estas ekster ĉia dubo, ke la sola praktikinda metodo por pliriĉigi la lingvon konsistas en akceptado de tiuj novaj radikoj kiuj montriĝis taŭgaj post la ilia uzado en tekstoj, leteroj kaj paroloj. Anstataŭ protesti kontraŭ prova uzado de la novaj radikoj en la gazetoj, oni devus protesti kontraŭ la vortaristoj, kiuj dikigas siajn verkojn per nenie uzitaj kaj ĝis nun nenecesaj radikoj, jen ridinde arkaikaj, jen strange pezaj: *sevrugo, sinkopo, rezignacio, rekremento, preterito, pleŭronekto, pentametro, palinuro, onobriko!*

En la Zamenhof'a verkaro, depost la 1887, ekzistas vorto *amen!* Dum la 36 jaroj ĝi estis mil- kaj milfoje uzita, ĉu buŝe, ĉu litere kaj tamen vi ĝin ne trovos en la plej lasta oficiala radikaro de la 1922, en kiu ja troviĝas malpli oftaj kristanaj terminoj: *krucifikso, Anunciacio, kardinalo, Advento, litanio,* . . .

En la oficiala radikaro ni trovas vortojn *Biblio, Korano, Talmudo,* nomojn de sanktolibro hebreaj kaj mohametanaj, sed ni ne trovas tie nomojn de la budhanaj, brahmanaj, ĉinaj, k. a. sanktolibroj, ne malpli gravaj por la homaro! Ĉu tio ne pravigas diron de niaj malamikoj, kiuj ofte asertas ke Esperanto ne estas lingvo internacia, sed nur la intereŭropa? Oni do laboras sen plano, sen ordo, laŭ ventoj de persona gusto aŭ de hazardo. Tiu juĝo ne ŝajnos severa, se ni pli proksime rigardos la rezultatojn de ĝia laboro. Kaj ni tion nun faras.

En la kulturlingvoj ni trovas simetrian serion: *maksim, minim, ultim, maksimum, minimum, ultimatum.* En la Dua Oficiala Aldono ni vidas *ultimat,* en la Tria ni trovas *maksimum, minimum!* Laŭ la proverbo „se oni diras a, oni diru b" ni povus postuli, ke apud *minimumo* estu *ultimatumo,* aŭ male — apud *ultimato* estu *minimo!* Des pli, ke ni ĉiam povas aldoni nian sufikson *-um,*—se tio plaĉas al ni. Sammaniere ni havas nacilingve: *komisar, notar, sekretar, komiser, noter, sekreter.* Post Zamenhof'aj *sekretario, notario,* ni atendus *komisario,* sed la Unua O. A. surprize donas al ni *komisaro!* Simila senordo regas en la vortoj kun *-acio.* Jen ni havas Zamenhof'ajn *konjugi, konjugacio,* jen ni havas nur *deklinacio,* sen atendata *deklini.* Apud *administracio* ni havas *administri,* kiel *rezignacio, rezigni,* sed ni ne rajtas diri *inaŭguri, apeli,* kvankam ni havas *inaŭguracio, apelacio!*

Scienculo pri *geologio* estas *geologo*, pri *filologio* estas *filologo*, *filozofio - filozofo*, *astronomio - astronomo*, sed scienculo pri *geografio* estas *geografiisto* anstataŭ atendata *geografo*, *geometriisto* anstataŭ *geometro*, *paleontologiisto*, *ornitologiisto*, k. c. Ĉu ne estus pli saĝe starigi ĝeneralan unuforman regulon (-io-o), tute laŭ spirito de nia lingvo, ol amasigi sen ordo kaj ekster bonsenco la esceptojn sur esceptoj?

Ni estas devigataj al tiaj teruraĵoj kiel *gimnastikisto*, *beletristikisto*, *meĥanikisto*, *botanikisto*, *numismatikisto*, ... anstataŭ raciaj *gimnasto*, *beletristo*, *meĥanisto*, *botanisto*, *numismato* (— personoj) apud *gimnastiko*, *beletro*, *meĥaniko*, *botaniko*, *numismatiko* (— fakoj)! Ja ni havas jam parojn simetrajn — *simbolo simboliko*, *lingvisto lingvistiko*, *retoro retoriko*, *poeto poetiko*, *skolasto skolastiko*, *stilisto stilistiko*, k. a.

Du zorgojn havis Zamenhof, starigante nian vortaron; unue, li atentis internaciecon, due li kontentigis harmonion de la lingvo. Se li elektis *abelo* (mielmuŝo), *aĉeti* (monakiri), *adjektivo* (avorto), *administri* (estrumi), ... li tion faris pro kutimoj de eŭropaj lingvoj. Se li faris *faruno* (farine), *bukedo* (buket), *naŭ* (nov-), *tremolo* (tremula), ĝi estis por eviti dusencaĵojn. Se li iufoje dekliniĝis de la unua aŭ de la dua principo, li tion faris pro specialaj cirkonstancoj, sed neniam li deflankiĝis de la ambaŭ principoj samtempe, kiel tion pli ol unufoje faris niaj lingvistoj kiuj kuraĝis „korekti" Zamenhof'an lingvon. Du vortoj estas sufiĉaj ekzemploj de tia misevoluigado de Esperanto. En la Unua O. A. ni trovas *abismo* (profundego), kiu duoble pekas, kontraŭ internacia *abiso* kaj kontraŭ sufikso *-ismo*. En la Dua O A. ni renkontas *teisto*, kiu estas malpli internacia el *deisto* (-iisto), kaj samtempe signifas *teiston* (vendiston aŭ kulturiston de teo).

Feliĉe tia elukubraciado restas nur surpapera, ĉar ĝin ne konas la vivanta Esperanto, kiu marŝas laŭ la vojo de praktika uzado kaj reala aplikado. Sur tiu vojo kreiĝas novaj kunmetaĵoj kaj esprimoj, lerte forĝataj laŭbezone el la malnovaj radikoj. Unu paĝo de Luyken'a romano, aŭ de fruntartikolo en nia ĉeforgano, sufiĉas por montri kiamaniere kreskas nia vivanta lingvo, tute alia ol lingvo de l' leksikonoj kaj aldonoj. Ni ne povas citi ĉi tie kelkajn frazerojn de niaj nunaj stilistoj: *Vento siblas ĉeorele* ... *Ne estas nura scivolemo kiu demandigas min* ... *Kunveno prepara al iamposta plivasta konferenco* ... *Jen ofta diraĵo* ... *Dezirante ke la laboroj povu alporti grandan rezulton* ... *Ni ekiris al restorejo* ... *Vasta konstruema abelaro kaj pikzumanta vespareto* ... *Knabinoj neniel pupaj* ... *La prezo sumas dek frankoj* ... *Vidoriĉa teraso* ... *Orelo peras la eksteran mondon* ... *Postenon staras la soldato* ... *La problemo indas je zorga studo* ... *Nur per sinofero al eterna leĝo oni povas atingi la liberecon* ...

Kelkaj viroj, kiuj gvidas nun la laborojn de nia Akademio okupis strangan pozicion. Unuflanke ili malpermesas al la tuta esperantistaro aldoni eĉ unu punkton al la fundamenta lingvo, aliflanke ili permesas al si aldonegi centojn da elementoj, prenitaj sen kritiko, sen bezono, sen rezono. Ne nomante la personojn kaj la verkojn, ni povas tamen doni la specimenojn (el unu klasika vortareto):

sur paĝo 18 — *limando*, *alkaldo*, *esplanado*, *mezalianco*, ...
sur paĝo 19 — *glaŭka*, *avistardo*, *verbasko*, *papajo*, *flanĝo*, ...
sur paĝo 20 — *argano*, *paralo*, *legoftalmo*, *brakiala*, ...

Kaj centoj da tiaj vortoj estas aŭtoritate rekomendataj al uzo de ĉiulandaj poetoj!

Post kiam Zamenhof proklamis la liberon en esperanta disvolvo, preskaŭ ĉiuj adeptoj, kiuj ion verkis aŭ presigis, permesis al si libere enkondukadi novajn radikojn. La Fundamento enhavas 2772 radikojn, la Akademio aldonis krome ĉirkaŭ 1580 novajn elementojn, en la tempospaco da 14 jaroj. Nuna oficiala radikaro entenas ĉirkaŭ 4290 lingverojn. La vortaro de Boirac sumas ĉ. 12000 radikoj! La bridoj forigitaj, ĉiu ambicia naciesperanta vortaristo enkondukas pluajn radikojn pocente. En nuna momento, la tuta radikaro uzita prese, bezone kaj senbezone, altiĝas ĝis 20000 radikoj!

Tiu vojo certe estas plejfacila por la riĉigistoj, ĉar enkonduko de nova radiko ne postulas penon, nek eruditecon, nek antaŭstudon, ĝi postulas nur senĝenon kaj posedon de ia dika nacia vortaro.

Jam nun Esperanto fariĝas, kun sia plena radikaro, unu el malfacilaj kulturlingvoj ... Kie do estas la fama facileco de la Lingvo Internacia, en kiu ni formas 100000 komunajn vortojn el 2000 fundamentaj lingveroj? Eĉ la internacieco, internacieco funda, nun estas oferita al la idolo de „scienco". Konata mara besteto, nomata en ĉiuj lingvoj de la mondo la *mara stelo* aŭ *stelo de maro*, nun devus nomiĝi per speciala radiko — *asterio*. La vorto *pasero* nun ne taŭgas, se ni kredos unu sciencemulon, ĉar la *pirgito* sole decas! Apud la *akvo* oni devas lerni *hidro*, kiel apud *unu* venas *mono*, apud *dio* — *teo!* Tio eble povus esti akceptebla, sub certaj kondiĉoj, sed tiel kiel ĝi estas krude trudata, sen plano, sen ordo, ĝi nur konfuzigas kaj nervecigas.

Alia vojo de l' lingva pliriĉigo, aŭ pliĝuste — la ĉefa vojo, estas honesta kunmetado de la fundamentaj elementoj, kunmetado bazita sur solida komparo de la naciaj vortaroj. La vojo malfacila, malrapida kaj peniga ... Por trovi la kunmetaĵon *marstelo* kaj kompreni ĝian solidan internaciecon, oni devas serĉi en zoologiaj verkoj francaj, germanaj, rusaj, italaj, ... la nomojn *étoile de mer*, *Meerstern*, *morskaja zvezda*, *stella di mare*, ... nomojn uzatajn de milionoj da homoj, simplaj kaj instruitaj, en ĉiuj terpartoj de l' mondo.

La sama okazas en sfero de lingvo poezia, psika kaj socia. Ĉu *angoro* ne estas korpremo? Ĉu *melankolio* ne estas nigra humoro, veado, sopireto, malgajo? Ĉu *sentimentala* ne signifas delikatsenta, animosenta, dolĉanima, revemanima? Ĉar ni malofte ekzercas nian povon de la vortfarado, ni ne suspektas tutan esprimokapablon de nia fundamenta radikaro. La sukceso ne falas elĉiele, ĝi venas ne tuj, ĝi estas atingebla per longa peno kaj arda volo. Mi eĉ rekomendus, kiel nuran lingvekzercon, absolute larĝan vortfaradon, provadon esprimi kunmete eĉ fundamentajn radikvortojn, ekz. *evorto* adverbo, *filido* nepo, *avorto* adjektivo, *fratido* nevo, *agilo* rimedo, *malemo* abomeno, *Anoncfesto* Anunciacio, *tremarbo* tremolo, *onkazo* akuzativo, *scenisto* aktoro, *luntempo* monato, *suntempo* jaro, *superkomo* apostrofo, *senvida* blinda, *senvoĉa* muta, ktp.

Tiaj vortoj povus iufoje eĉ taŭgi por ŝercesprimoj, por poetaj komparaĵoj aŭ por vortoludo. Krom tio, ke ili ja estas tute laŭfundamentaj, ĉar ili entenas nur fundamentajn elementojn kunmetitajn laŭ la fundamentaj reguloj. Niaj vortaroj ĝisnunaj estis pli radikaroj ol la vortaroj. Ni bezonas veran vortaron, unue fundamentan, da kunmetitaj vortoj kun ilia rilata frazaro kaj esprimaro. Tiu *plena* Fundamenta Vortaro povas esti la ĉefa celo de ĉiuj prudentaj amikoj de nia lingvo.

# Zamenhof-monumento.

Ni ricevis telegramon kaj ekspres-informon kun jena enhavo:

La 18. 1. oni starigis la monumenton sur la tombon de Zamenhof. La tuta familio Zamenhof kaj aliaj samideanoj de Warszawa veturis al la tombejo por akcepti la pretan kaj bone transportitan monumenton nun starigitan.

Detaloj sekvos ankoraŭ. (Ne alvenis ĝis fino de la redaktado).




# UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

## OFICIALA INFORMILO.

**Celo:** *Disvastigi la uzadon de la internacia helplingvo Esperanto. — Plifaciligi la ĉiuspecajn moralajn kaj materiajn rilatojn inter la homoj, sen diferenco pri raso, nacieco, religio aŭ lingvo. — Krei internaciajn servojn uzeblaj de ĉiuj homoj, kies intelektaj aŭ materiaj interesoj celas trans la limojn de ilia genta aŭ lingva teritorio. — Kreskigi inter siaj membroj fortikan senton de solidareco kaj disvolvigi ĉe ili la komprenon kaj estimon por fremdaj popoloj. — UEA kunigas la samideanojn, kiuj per la forto de sia nombro kaj la utiligo de la Zamenhofa lingvo volas pruvi al la mondo, ke Esperanto vivas, laŭgas kaj progresas.*

**Servoj:** *Ĉiu membro rajtas peti informojn de la Delegitoj, uzi la servojn de la Asocio, senpage ricevi la Oficialan Jarlibron.*

**Kotizoj:** Oficialaj prezoj en svisaj orfrankoj. *Membro* [M] *5 Fr. Membro-Abonanto* [MA] *12,50 Fr. Membro-Subtenanto* [MS] *25 Fr.* La MA kaj MS ricevas la gazeton. — *Membro-Dumviva* ricevanta la gazeton kun ĉiuj oficialaj dokumentoj: *300 Fr. or.* [Partopagoj trijaraj po 100 Fr., sed neniu nacia prezo kiel ĉe aliaj membro-kategorioj. — Naciaj prezoj por M, MA, MS:

**Argentino:** P. oro: 3, 7,5, 15; **Aŭstralio:** Ŝil. 5, 12/6, 25; **Aŭstrio:** Kr. 40 000, 100 000, 300 000; **Belgio:** Fr. 10, 25, 100; **Brazilo:** Milr 8, 20, 50; **Britlando:** Ŝil. 5, 12/6, 25; **Bulgario:** L. 75, 150, 800; **Ĉeĥoslovakio:** Kr. 25, 50, 160; **Ĉinio:** Arg. dol. 1.50, 4.—, 8.—; **Danmarko kaj Islando:** Kr. 5, 12,50, 25; **Estonio:** Mk. 200, 500, 2000; **Finnlando.** Mk. 25, 60, 200; **Francio:** Fr. 10, 25, 75; **Germanio:** Mk. or. 4,—, 8,—, 20; **Greklando:** Dr. 50, 100, 25; **Hispanio:** Pes. 6, 15, 35, **Hungario:** Kr. or. 4, 8, 25; **Irlando:** Ŝil. 5, 12/6, 25; **Italio:** L. 12, 30, 100; **Japanio:** J. 2, 5, 10; **Jugoslavio:** D. 40, 100, 350; **Latvio:** L. 4, 8, 25; **Litovio:** L. 6, 15, 50; **Nederlando:** G. 2.50, 6,25 12,50; **Norvegio:** Kr. 6, 15, 30; **Pollando:** Zlot. 4, 8, 25; **Portugalo:** Esk. 20, 45, 150; **Rumanio:** L. 120, 300, 800; **Svedlando:** Kr. 4, 10, 20; **Svislando:** Fr. 5, 12,50, 25; **Turkio:** P. 120, 300, 800; **U. S. A., Kanado, Kubo, Centra Ameriko:** Dol. 1, 2,50, 5. — El aliaj landoj oni pagu laŭ la oficiala prezo en svisaj frankoj [ora valoro].

La helpmembroj [HM] estas kategorio kreita favore al jenaj landoj kun tre malalta monkurzo: Aŭstrio: Kr. 20 000; Germanio: Mk. or. 1,20; Hungario: Kr or. 1,50; Pollando: Zlot. 1,50; Rumanio: L. 40. La helpmembroj ĝuas ĉiujn rajtojn escepte la ricevon de la jarlibro kaj gazeto.

La Entreprenoj de UEA [komercaj firmoj, societoj k. t. p.] pagas jare la oficialan aŭ nacian prezon kiel la MA. La Entreprenoj rajtas presigi tekston de 40 vortoj en speciala parto de la jarlibro kaj rajtas uzi la servojn de informpetado.

Esperantistaj grupoj ne povas aliĝi kiel membroj aŭ entreprenoj.

**Centra Oficejo:** *12, Boulevard du Théâtre, Genève (Svislando) — Bankkonto: Société de Banque Suisse, Genève. — Svisa Poŝtĉeko I. 2310. — Poŝtĉeko en Aŭstrio: Postsparkassenamt Wien, Konto 105 439 Poŝtĉeko en Ĉeĥoslovakio, No. 79 236, Praha. — Poŝtĉeko en Germanio: No. 908 50, Frankfurt am Main — Poŝtĉeko en Pollando: No. 190 576, Warszawa.*

---

**Voĉdono pri uzo de landnomoj.** — Unu komitatano pro peto de Prof. Cart kaj alia propramove proponis, ke la Centra Oficejo revenu al uzo de *-ujo* en landnomoj. Per 12 voĉoj kontraŭ 4 la komitato malakceptis tiun vidpunkton kaj konfirmis, ke la Centra Oficejo fidele aplikas la rekomendon de la Viena kongreso, ke oni konfirmiĝu al la Fundamento, se ĝi sekvas la principon esprimitan en la Klasika Libro de l' Akademio: „La finaĵo *-io* (ne sufikso), kiam internacia en landnomo, ne estas kontraŭfundamenta (Germanio apud Germanujo, kiel evolucio apud evoluo, *Fundamento § 15)*. En dubaj okazoj la Centra Oficejo uzos la formon en *-lando* ankaŭ permeseblan laŭ la fundamento. La komisiono unuanime instrukciis la Centran Oficejon daŭre sekvi tiun principon senescepte.

**Elekto de la komisiono.** — La komitato de UEA balotis dum januaro por elekti sian komisionon, t. e. sian laŭstatutan superan administran estraron. Al la prezidanto (D-ro Privat) aŭ vic-prezidanto (S-ro Page) la statuto aldonas kvar pliajn anojn.

| | | |
|---|---|---|
| Senditaj voĉdoniloj | 24 | |
| Ricevitaj „ | 21 | |
| Voĉoj al S-ro Blaise | 20 | (elektita) |
| „ „ „ Bouvier | 20 | „ |
| „ „ „ Génermont | 21 | „ |
| „ „ „ Rockmann | 21 | „ |

**Novaj teritorioj.** — La komisiono bonvolis aprobi la starigon de jenaj teritorioj kaj elekton de ĉefdelegitoj:

*Centra Franclando:* Amplekso: departementoj Loire et Cher, Loiret, Yonne, Nièvre, Cher, Indre, Creuse, Allier, Hte. Vienne, Corrèze, Puy-de-Dôme, Hte. Loire, Cantal, Lozère. Centro: Urbo Clermont-Ferrand; ĉefdelegito: S-ro Léon Courtinat, 24 rue Vernemouze, Clermont-Ferrand.

*Saarteritorio:* Amplekso: la teritorio laŭ Art. 40 de la packontrakto. Centro: Urbo Sankt Ingbert; ĉefdelegito: S-ro Aug. Omlor, Rischbachstrasse 16, Sankt Ingbert.

**Pago per poŝtmandato.** — De jenaj landoj la rekta servo de poŝtmandatoj al Svislando estas denove ebla kaj ni atentigas je tiu faciligo. Aŭstrio, Bulgario, Ĉeĥoslovakio, Greklando, Hungario, Jugoslavio, Latvio, Litovio, Pollando, Rumanio. Anstataŭ sendi monon en letero, estas pli simpla, uzi tiun pli certan manieron.

**Statistiko.** — Ĝis 31 januaro pagis la kotizon (1a kvaronjaro, de 1 novembro ĝis 31 januaro) 91 HM, 580 M, 2108 MA, 191 MS; sume 2970. (Sama dato 1924: 1977.)

**Garantia kapitalo.**

*Dua serio:* Frankoj svisaj

Antaŭa listo: 6000.—

21. S-ro Henriko Fischer, komitatano de UEA, Bucuresti: 300.—

Sumo: 6300.—

**Delegitoj.** — Delegitoj estas elektitaj en jenaj lokoj:

*Acapulco* (Meksiko, Guerrero) — D: S-ro José de Elezcano, komercisto ĉe firmo Alzuyeta Co.

*Angora* (Turkio) — D: S-ro Salih Mehmed Bey, ĥemiisto, Munitions-fabriko
VD: S-ro Erich Stolzenhayn, komercisto, poste restante

*Auckland* (New Zealand) — D: S-ro Cyril, John Adeoch, instruisto, Training-College

*Békéscsaba* (Hungarlando) — D: D-ro György Kvasz, advokato, Perényi u 35/VI
VD: S-ro János Velentini, urba oficisto, Külterület 7

*Bendoredjo* (Java, Ned. Hind.) — D: S-ro Willem Harm de Jonge, instruisto

*Bensen b. Teschen* (Ĉeĥoslovakio, Bohemio) — D: F-ino Maria Müller, Schlossgasse 50

*Biel* (Svislando) — D: S-ro Joh. Gottfr. Knutti, instruisto, Reuchenettestr. 110/6

*Borkendorf* (Germanio, Schles.) — D: S-ro Franz Buchman, lignaĵisto
VD: S-ro Ernst Franke, muelisto

*Bramsche ĉe Osnabrück* (Germanio, Hannover) — D: S-ro Rudolf Schröder, poŝtoficisto, Breuelstr. 26

*Brčko* (Jugoslavio, Bosna) — D: S-ro Karlo Klimek, bankoficisto, Zembanka

*Bruchmühlbach* (Germanio, Pfalz) — D: S-ro Leonhard Staudt, bankoficisto

*Ĉadca* (Ĉeĥoslovakio, Slovakio) — D: S-ro Josef Popper, privata oficisto, Zamenhofa ul. 532/II

*Česká Skalice* (Ĉeĥoslovakio, Bohemio) — D: S-ro Jan Dvořáček, ŝuisto, No. 360

*Choceň* (Ĉeĥoslovakio, Bohemio) — D: F-ino Marie Petříčková, oficistino, Náměstí 158

*Dabrowa-Gornicza* (Pollando, Kieleckie) — D: S-ro Maurycy Wygodzki, instruisto, ul. Kosciuszki 24
VD: S-ro Josefo Izraelowicz, laboristo, ul. Kr. Jadwigi 16

*Dramburg* (Germanio, Preussen) — D: Otto Jurczyk, rektoro, Lindenstr. 3

*Dublin* (Ireland) — D: S-ro T. P. de Barri, inĝeniero, 46 Caledonia Terrace, Haddington Rd.

*Eibenstock* (Germanio, Sa.) — D: S-ro Reinhold Schöne, metilerneja studkonsilisto, Karlsbader Str. 25

*Enfield* (Britlando, Middlesex) — D: S-ro Joward W. Smith, urba oficisto, 96 Southbury Rd.

*Eschwege* (Germanio, Hessen-Nassau) — D: S-ro Hans Riehl, lernejokandidato, Marktplatz 17

*Gossau* (Svislando, St. Gallen) — D: S-ino Pauline Sing, Lindenhof

*Hägendorf ap. Olten* (Svislando, Solothurn) — D: S-ro Paul Hofer, libropresisto

*Hakodate* (Japanio, Hokaido) — D: S-ro Jukimasa Asada, eksprofesoro, Esperanto Kai 30, Kaish Maĉhi

*Herford* (Germanio, Westfalen) — D: F-ino Lotte Witte, Gehrenberg 21

*Hodonín* (Ĉeĥoslovakio, Moravio) — D: Jaroslav Hošek, komerckomizo, Horní plesová č. 3

*Kissingen,* Bad (Germanio, Bavario) — D: S-ro Heinrich Neubert, supera poŝtinspektoro, Postamt

*Koetaradja* (Sumatra, Ned. Hindio) — D: S-ro Jacobus De Ruyter, Armea kuracisto

*Laasan* (Germanio, Schles.) — D: S-ro Fritz Schiller, instruisto de popollernejo
VD: S-ro Paul Rother, komizo, Konradswaldau

*Landeshut* (Germanio, Schles.) — D: S-ro Arthur Baumgart, komizo, Schreibendorferstr. 5

*Louny* (Ĉeĥoslovakio, Bohemio) — D: S-ro Josef Kolmistr, oficisto ĉe juĝejo, Chelčického 1116
VD: S-ro Eduard Čech, studento, Jeronýmova 668

*Ludwigshafen a. Rh.* (Germanio, Bayern) — D: S-ro Ludwig Kolb, studkonsilisto, Luisenstr. 12

*Marcigny* (Franclando, Saone et Loire) — D: S-ro Marcel Chavagne, financa oficisto

*Marrakech* (Maroko, Rehamma) — D: S-ro Pierra Carriere, elektristo, Quartier des Touareg [Chez Mme Putz]

*Mitu-Gun* (Japanio, Okayama-ken) — D: S-ro Kaname Andreo Susuki, studento Hara, Makiisi-mura

*Monte Carlo* (Principauté de Monaco) — D: S-ro Marius Joly, bankisto, Banque nationale de Crédit, 5 Rue Bellevue

*Mülfort* (Germanio, Rhld.) — D: S-ro Karl Scheibler, komerca oficisto, Böningstr. 33

*Nimes* (Franclando, Gard.) — D: S-ro Frank Allard, komandanto, Villa Petit Nice, 23 rue de Grézan

**Provizore ne plu estas delegitoj en la jenaj lokoj:**

*Borgstena,* Svedio; *Buzau,* Rumanio; *Careii Mari,* Rumanio; *Craiova,* Rumanio, Oltenia; *Gradiŝtea,* Rumanio, Vlaŝca; *Hateg,* Rumanio, Transilvanio; *Huŝi,* Rumanio, Moldavio; *Ismail,* Rumanio, Bessarabio; *Kaiserswerth,* Germanio, Rhld.; *Komarno,* Ĉeĥoslovakio, Slov.; *Montboyer,* Franclando, Charente; *Petrič,* Bulgario; *Pont St. Esprit,* Franclando, Gard; *Poprad,* Ĉeĥoslovakio; *Satu-Mare,* Rumanio; *Sezanne,* Franclando, Marne; *Suceava,* Rumanio, Bucovina; *Talpasi,* Rumanio; *Tamsweg,* Aŭstrio, Salzburg; *Terni,* Italio; *Třebič,* Ĉeĥoslovakio; *Trzebinia,* Pollando; *Tuttlingen,* Germanio, Württbg.; *Vazalemo,* Estonio; *Vulcan,* Rumanio, Hunedoara; *Winkel,* N.-H. Holando.

Genève, 10 februaro 1925.

*Hans Jakob*
Direktoro de UEA.

# Esperantista Parolejo.

## Al ĉiuj germanaj grupoj!

Ĉar en multaj germanaj grupoj oni ne legas naciajn Esp.-gazetojn, sed nur internaciajn, mi turnas min al ili uzante ĉi tiun gazeton. Mi petas ĉiujn germanajn grupojn, ne nur la [en la Germana Asocio kaj en la Esperanto-Laborista Asocio por la germanlingvaj regionoj] organizitajn, sed ankaŭ tiujn de UEA, ĉiujn fakgrupojn, izolitajn grupojn ktp. raporti pri la jaro 1924 laŭ jena skemo:

1. urbo?
2. nomo de la grupo?
3. al kiu organizaĵo la grupo apartenas?
4. nombro de la membroj la 31. Decembro 1923?
5. nombro de la membroj la 31. Decembro 1924?
6. nombro de la kursoj okazintaj dum 1924?
7. kiom da personoj anoncis sin por la kursoj?
8. kiom da kursgvidantoj estis al la dispono de la grupo?
9. kiu estas laŭ via takso la nombro de la Esperantistoj en via urbo?
10. nomo kaj adreso de la grupa prezidanto?

Oni skribu la raporton sur papero, kiu havas la formaton de la oficiala aktpapero (ne nur leterpapero aŭ poŝtkarto) kaj donu sub 4—9 *nur simplajn ciferojn.* Oni skribu en germana lingvo, ĉar la materialo devos esti taŭga, esti transdonata al la registaro. La alsendon de la raporto la Instituto atendas ĝis la 15. Marto plej malfrue.

*Esperanto-Instituto por la Germana Respubliko.*
D-ro Dietterle.

---

# Amerika bonfaro.

Dum la lastaj dek jaroj la sekvantaj sumoj estas disdonitaj al universitatoj, institutoj por bonfaro, malsanulejoj, preĝejoj ktp. de amerikaj milionuloj:

| | | |
|---|---|---|
| John D. Rockefeller | donis | $ 575.000.000 |
| Andrew Carnegie | „ | $ 350.000.000 |
| Henry C. Frick | „ | $ 85.000.000 |
| Milton S. Hershey | „ | $ 60.000.000 |
| George Eastman | „ | $ 58.000.000 |
| James B. Duke | „ | $ 41.500.000 |
| Mrs. Rusell Sage | „ | $ 40 000.000 |
| Henry Phipps | „ | $ 31.650.000 |
| Benjamin Altman | „ | $ 30 100.000 |
| John Stewart Kennedy | „ | $ 30.000.000 |
| John W. Sterling | „ | $ 20.000.000 |
| George F. Baker | „ | $ 11.900.000 |
| Mrs. Stephen v. Harkness | „ | $ 9.000.000 |
| Wm. J. and Chas. H. Mayo | „ | $ 7.900.000 |
| J. Ogden Armour | „ | $ 6.000.000 |
| John Jacob Astor | „ | $ 4.000.000 |
| Lotta Crabtree | „ | $ 4.000 000 |
| John Crerar | „ | $ 3.600.000 |
| George Crocker | „ | $ 3.500.000 |
| I. V. Williamson | „ | $ 2.500.000 |
| Joseph Milbank | „ | $ 1.757.000 |
| Jacob H. Schiff | „ | $ 1 350.000 |

Ĉu iam venos la tempo, ke esperantaj institucioj troviĝas inter la favoritoj?

## Internacia Studenta Esperantista Asocio.

Ni sciigas ĉiujn interesiĝantojn pri la esperantista studenta movado, ke la sekretariejo de nia asocio troviĝas ĉe Ignacy Koss, Warszawa Leszno 28 m. 13, kaj samtempe ni informas, ke komunikoj kaj raportoj pri nia agado aperados en „Esperanto" kaj „Heroldo de Esperanto".



## Tabakkontraŭuloj.

Ĵus aperis „*Verda Kruco*" verkfolioj de Esperantista Tabakkontraŭula Asocio. Rilate al la granda signifo, kiun meritas la internacia batalo kontraŭtabaka, estas tre grave, ke ankaŭ en Esperanto aperas publikigilo de tiu ĉi movado.

Adreso: Esperantista Tabakkontraŭula Asocio, Wien 69, Postfach, Aŭstrio.

# Esperantista vivo.

**Malavara donaco.** — En nia Decembro-numero, paĝo 209, troviĝas eraro. La donaco estas farita de S-ino Mudie, la patrino de S-ro Mudie, ne de la edzino, ĉar S-ro Mudie mortis needziĝinte.

**Naskiĝo.** — Al Ges-roj Dolce (kies S-ro Galliano Dolce estas sekretario de Udine Esperanto-Grupo) naskiĝis la 14. 12. fileto nomita Gian-Laŭro.

— Al G-roj Lehmann en Minden i. W. naskiĝis filineto, nomita Christa.

**Edziĝo.** — S-ro Jean Llech, prezidanto de la Perpignan'a Amika Rondo, edziĝis kun F-ino Mimy Castagné.

— *D-ro Umberto Toschi Porrini, Bologna* kun *Elena Rappini.*

— *S-ro Tjong Hie Liem en Samarang (Javo)* kun *F-ino Koosje S. N. Ong,* samloke.

# Niaj mortintoj.

*Kun sincera bedaŭro ni ricevis informon pri la morto de jenaj samideanoj. Al iliaj familioj ni sendas la esprimon de niaj respektplenaj kondolencoj.*

**Vojtěch Kraus,** inĝeniero, 28-jara, filo de nia fervora delegito S-ro V. Kraus en Praha.

**P. Carlo Barberis,** inĝeniero, membro de UEA en Torino.



# AMUZO KAJ ŜERCO.

Red.: *Alessandro Mazzolini, FANO, via Montevecchio, N-ro 32 (Marche, Italio).*

Solvojn senpere al la supra adreso. — La nomoj de la solvintoj estos publikigataj.

**Solvoj:** 60. 61.










62 = Avarulo. — Tre bonkora avarulo | iris for de katedralo | kie diris predikanto | pri la bonfarada sento. | — La predik'— ekkriis li — | tiel min ektuŝis, ke | tre volonte | almozpetus nun eĉ mi! — 63 = Ro. — 64 = Sol-do. — 65 = Luno. — 66 = Essen.

67. **Geometria ludo**

Aliigi rektangulon, kies bazo estas $^9/_8$ de la alteco, en ekvivalantan kvadraton.

68. **Luksa domo.**

Liter' malmulte ruĝa estas luksa | dom' de riĉulo.

69. **Ŝipiĝo.**

Kiel ni en motoro iĝas ŝipo?

70. **River' sepono de semajno.**

Riveron diru vi | seponon de semajno.

71. **Roma filozofo.**

Kia roma filozofo | estas sen de ag' komenco?

## ALUMETLUDOJ.



72. **Novmonda parenco.**

De ne eŭropa stato kaj popolo | el eroj de ĉi tiu figureto | la ŝercan nomon faru | konsistanta el du vortetoj, kies | nom' de parenco estas la unua.

73. **Viktim' de procentego.**



Kiel eble plej etan parton movu | de vokalar' ĉi tiu | por aperigi nomon de viktimo | de procentego... frata!

**Plenigota versaĵeto.**

**234 kaj 134.**

*„Vae soli"!*

Ĉiame estis 1***4*1 *234 | k 2 unu povas nur malpli ol *134: en 134 nur val434n havas 134. | Ĉ* vi *43 *3* *31** densa 13*134 penadas same, **21 ***** *31**234? | Jen do p** 13' k** 234 ** *4**134: | 1* sola 234 estas *1*1*234 | de *43*', estas m1**2*k', honto, *i*234. | 13' fl**1* venke s**23 *23' **j *134. | De 234 f**** f**** ** **134.

**Ĝustaj solvoj alvenintaj:**

**Novembro:** 52, 53, 54, 55, 56, 58, 59: *De Montezemolo,* Mark. Gen. Karlo (Castiglioncello). — 52, 53: *Freitel,* Joselo (Freiburg i. Brg.) — 52, 53, 54, 56, 57, 58, 59: *Hoffmann,* Paŭlo (Nürnberg). — 52, 53, 54, 55, 56, 58: *Schrank,* Walter (Kempten). — 52, 53, 54, 56, 57, 58, 59: *Wiesenfeld,* Edvardo, L. K. (Varsovio). — 52, 53, 54, 56, 57, 58: *William,* C. (Stettin)

**Decembro:** 63, 64, 65: *Frantz,* S. (Parizo). — 62: *Kulyk,* J. (Timisoara, Rumanio). — 60—65 *Marcinczak,* Bolcsław (Poznah-Polujo). — 60, 62, 63, 64, 66: *Wiesenfeld,* Edvardo, L. K. (Varsovio). — Ĉiuj, escepte 61: *William,* Curt (Stettin).

**Peto al la solvintoj klarege skribi sian nomon.**

# ŜAKO

Gvidanto: *Fr. Hájek*, Praha-Nusle, Přemyslovo nábř. 396. Ĉeĥosl.

Ĉion kio koncernas ŝakon, sendu senpere al la gvidanto.

**Problemo N-ro 130.**
*C. J. Oesterholt.*
[Brisbane Courier 1924].



Blanko matas per la 2-a movo.

**Problemo N-ro 131.**
*R. Svoboda*, Praha.
[Originalo].



Blanko matas per la 3-a movo.

**Problemo N-ro 132.**
*H. Steding*, Bremen.
[Originalo].



Blanko matas per la 3-a movo.

**Problemo N-ro 133.**
*Fr. Hájek*, Praha.
[Originalo].



Blanko matas per la 4-a movo.

N-ro 130 ricevis en la pasinta jaro la unuan premion en la turniro de la nomita aŭstrala gazeto. En ĝi bone esprimiĝas la alterna defendkapablo de la Kf7 kaj Pe7. La ambaŭ trimovaj problemoj rezultigas la simetrian eĥon. Svoboda uzis rimarkindan teknikon. N-ro 133 okupiĝas per malfacile esprimebla ideo kaj tio estas la kaŭzo de ĝia ne elasta aspekto.

### *Solvoj de la problemoj:*

N-ro 126: 1. Td4—d8, e7×f6, 2. e6—e7, f6—f5, 3. e7—e8D, f5×e4, 4. Kh5—f3, e4×f3, 5. De8—b5, f3—f2 m. 3. ... f5—f4. 4. De8—f7, f4×e3, Df7—f2 +, e3×f2 m. 4. ... f4—f3, 5. Df7—c4, f3—f2 m.

N-ro 127: 1. De1—h1, Kc1—b2, 2. Ĉb4—c2 + ktp., 1. ... Kc1 alimove, 2. Dh1—h8 + ktp., 1. ... Kb1 laŭvole, 2. Dh1×c1 + ktp.

N-ro 128: 1. Tf4—f1, g2×f1, 2. Re1×f1, g3—g2 +, 3. Kh3×g2 m.

N-ro 129: 1. Rd4—e3, f5—f4 +, 2. Re3—f2, f4×g3 +, 3. h2×g3 m., 2. ... f4—f3, 3. Tg3—g1 m.

### *Alvenis ĝustaj solvoj de la problemoj:*

N-ro 122 ĝis 125 H. Steding, Bremen (Germ.): 122, 123, 124 M. Birmanas, Ŝakiai (Litov.); 125 H. T. Bailey, London: J. Kauder, Praha.

El la internacia lukto, okazinta la 25 aŭgusto 1923 en Praha, inter la nederlanda Haagsche Schaakgenootschap Discendo discimus kaj la ĉeĥosl. Ŝachovnį klub Dobruský.

### N-ro 13: *Viena ludo.*

Blanko: inĝ. V. Šifalda, Praha. Nigro: D-ro A. Rueb, Haag.

| | | |
|---|---|---|
| 1. | e—e4 | e7—e5 |
| 2. | Ĉb1×c3 | Ĉg8—f6 |
| 3. | f2—f4 | d7—d5 |
| 4. | f4×e5 | Ĉf6×e4 |
| 5. | Dd1—f3 | Ĉe4×c3 |
| 6. | b2×c3 **a** | Kf8—e7 |
| 7. | d2—d4 | c7—c5! **b** |
| 8. | Kf1—b5 + | Ĉb8—c6 |
| 9. | Ĉg1—e2 | 0—0 |
| 10. | 0—0 **c** | f7—f6 |
| 11. | Kb5×c6 **d** | b7×c6 |
| 12. | e5×f6 | Ke7×f6 |
| 13. | Df3—d3 | Dd8—a5 |
| 14. | Tf1—f3 | Kc8—a6 |
| 15. | Dd3—d1 | Ta8—e8 |
| 16. | Ĉe2—g3 | Kf6×d4 + ! **e** |
| 17. | Rg1—h1 | Tf8×f3 |
| 18. | g2×f3 | Da5×c3 |
| 19. | Kc1—b2 | Te8—e1 + !! **f** |

kaj Blanko rezignis, ĉar ne estas eble preni pro la mato Df3.

**a** kutime oni ludas 6. d×c3, Ke7, 7 Kd3, 0—0, 8. Dh5! **b** evoluas ne nur la ludon sed ankaŭ akcelas la atakon, **c** pli bone ludi 10. Ĉe2—f4, **d** mankas taŭgaj movoj, **e** c×d4, Te8—e1 venkus tuj, **f** povus ankoraŭ sekvi 20. Rg2, D×c2, 21. D×e1, D×c2 +, 22. Rh3, Kc8 + 23. Ĉf5, D×f5 +, 24. Rh4, Df6 + kaj sekvas mato.

# REKLAMO

*MALLONGIGOJ:* L = *letero.* PK = *poŝtkarto.* PI = *poŝtkartoj ilustritaj.* PM = *poŝtmarkoj.* bfl = *poŝtmarkoj sur bildflanko.* kĉl. = *kun ĉiuj landoj.* Esp-aĵo = *Esperantaĵo.* fot-aĵo = *fotografaĵo.* gaz. = *gazeto.*

**Atentigo!**

La personoj anoncantaj havas la moralan devon respondi almenaŭ unufoje al la ricevitaj petoj, klarigante ĉu ili deziras aŭ ne deziras daŭrigi la korespondadon. Kiu ne respondas peton konforman al sia anonco, tiu malutilas al la internacia korespondado per Esperanto.

## Petoj kaj Proponoj

Internacia Komerco.

**Adreso-ŝanĝo.** Mia nova adreso estas: 12 Bd. du Théâtre (UEA), Genève, Svisl. Mi petas miajn multenombrajn korespondantojn en eksterlando bonvole paciencigi pro mia respondo. Mi reskribos kiel eble plej frue. Intertempe mi sendas amikan saluton al ĉiuj. Robert Kreuz, Redaktoro kaj Ĝenerala Sekretario (antaŭe Horrem b. Köln).

**Ĉu vi deziras konatiĝi kun Bulgario?** Se jes, mendu tuj la verkojn: „La Bulgara lando kaj popolo" kun etnogr. karto, 2.50 sv. fr.; „Bulgara Antologio", prozo kaj poezio, kun portretoj, 5 sv. fr.: „Vortaro de Esperanto", esperante-bulgare kaj bulgare-esperante, taŭga ankaŭ por fremduloj, 2.50 sv. fr. Ĉe la aŭtoro: Ivan H. Krestanoff, Pirdop, Bulgario.

**Edziĝo** dezirata de 30-jara inteliganta, bonhava posedanto en pensiondomo aŭ simile, en pli bona familio aŭ same, prefere en kuracloko, restadloko en suda regiono. Skribu al S-ro Karl Giŝka, Teplice-Šönov, Waageho ulice 6, Ĉeĥoslovakio.

**Esperanto-Gramatiko trilingva.** Kelkcent ekzempleroj de trilingva gramatiko (kun klarigaj tekstoj franca, germana kaj itala) de R. de Saussure estas aĉeteblaj de F-ino E. Straub, Oratoire 3, Neuchâtel, Svislando. Prezo 0.25 po ekzemplero.

**Esperanto-ŝlosiloj.** S-ro Charles H. Briggs, 12 Old Colony Bldg., Minneapolis, Minn. (Usono), deziras havigi al si ŝlosilojn hispanan, grekan, rumanan, bulgaran, jidan kaj hebrean por sia kolekto de Esperanto-ŝlosiloj.

**Filatelistoj!** Sendu al mi 100 poŝtkartojn bonajn kaj indajn de via lando kaj vi ricevos 100 poŝtmarkojn de Palestino, Sirio kaj aliaj arabaj landoj. R. Hellman, Rehoboth, Palestino.

**Gazetnumeroj serĉataj!** S-ro Charles H. Briggs, 12 Old Colony Bldg., Minneapolis, Minn. (Usono), deziras havigi al si la sekvantajn numerojn de „Amerika Esperantisto": vol. 1, N-ro 3; vol. 2, N-roj 5, 6; vol. 23, N-roj 4, 5; vol. 30, N-roj 2, 3.

**Grenkolektado.** S-ro Charles H. Briggs, 12 Old Colony Bldg., Minneapolis, Minn. (Usono), kolektas 100 gr. tritik-, ragi- kaj te-variaĵojn afrikajn, eŭropajn kaj aziajn. Sendu la nomojn kaj proponojn.

**nterŝanĝo.** S-ro Charles H. Briggs, 12 Old Colony Bldg., Minneapolis, Minn. (Usono), kolektas kaj interŝanĝas simbolojn, signojn ktp., ekzemple presaĵajn, matematikajn, kemiajn, muzikajn, astronomiajn, interpunkciajn, cedilan, ponardan, svastikan, alfabetajn, botanikajn, religian, veterajn ktp.

**London.** Kiu samideano gastigus kaj nutrus sinjoron dum dek tagoj de junio en London kontraŭ la sama servo en Wien (Aŭstrio). Hahn, Wien IV, Argentinierstr. 53.

**Malkaraj radio-lampoj.** Eksporton prenas sur sin Henri Dubuisson, 18 rue Bellevue, Le Havre, S. I. (Franclando).

**Malnovaj numeroj de „Esperanto".** Mankas al ni la jenaj numeroj de nia organo: N-ro 163 (4) 5 marto 1914, N-ro 164 (5) 20 marto 1914, N-ro 165 (6) 5 aprilo 1914, N-ro 167 (8) 5 majo 1914, N-ro 172 (13) 20 julio 1914, N-ro 182 (9) 5 oktobro 1915, N-ro 193/194, 5 septembro / 5 oktobro 1916, N-ro 226 (6) junio 1919, N-ro 234 (2) februaro 1920, N-ro 236 (3) aprilo 1920. Ni petas posedantojn de disponeblaj ekzempleroj bonvole informi nin pri la kondiĉoj de vendado. Centra Oficejo de UEA.

**Organizo** de l' funkciado de maŝinfabrikejoj kaj muldejoj laŭ plej modernaj principoj (nenia tro-organizo). Teknika konsilado ĉiuspeca. Provitaj alojoj por griza muldaĵo, reformŝtalo kaj metaloj. Analizoj, Provitaj metodoj por determini popecan laborkoston. Plej granda sukceso, bazanta sur spertoj dum 25 jaroj. Korespondado en Esperanto, germana, angla kaj franca lingvoj. Skribu al Ingenieurbüro G. Bisang, Hirschberg (Schlesien), Germanio.

**Poŝtmarkkolektantoj!** Poŝtmarkojn ĉeĥoslovakajn kaj aliajn deziras interŝanĝadi Václav Stárek, Trutnov, Rosseggerova ul. 2, Ĉeĥoslovakio.

**Vendas** sian Esperanto-bibliotekon (tre malofttajn librojn kaj gazetojn grandparte binditajn); sendas nomaron nur al seriozaj aĉetemuloj: Ivan Krestanoff, Pirdop apud Sofia, Bulgario.

## Korespondado

Interŝanĝo de objektoj.

### Albanio.

**Skhodër** (Skutari). S-ro Wilhelm Koligi, albana studento, PI, bfl, L seriozaj.

### Brazilio.

**Bahia.** S-ro Luis Rosado, financa ŝtatoficisto, Str. Sao Raymundo 60, PK, L kĉl., korespondas esperante, portugale, france kaj angle. Informojn pri Brazilio, vasta lando kiu okupas duonon de Sudameriko.

**Bahia.** S-ro Raul M. Martinell, Caixa Postal N-ro 534, deziras ricevi poŝtmarkojn en kvanto de via lando kaj poŝtkartojn bfl., respondas sammaniere.

### Britlando.

**Chichester** (Sussex). S-ro Percifal L. Ide, 20-jara fraŭlo, 2 Franklin Place, PI bfl, L prefere kun ekstereŭropanoj, komprenas la francan kaj germanan lingvojn.

### Bulgario.

**Nevrokop.** S-ro Kostadin Gr. Markov, komercisto, L, PI kĉl.
**Nevrokop.** S-ro Teodor Terziev, kudristo, L, PI kĉl.
**Nevrokop.** S-ro Nikola Ŝomanov, ŝuisto, L, PI kĉl.
**Nevrokop.** S-ro Kostadin Barbutev, oficisto, L, PI kĉl.

### Ĉeĥoslovakio.

**Bohdaneč Lázně** 3 apud Pardubice. S-ino A. Grossmanová, UEA-delegitino, kun lernantoj 12-14 jaraj kaj iliaj instruistoj kĉl.
**Hradec Králové II.** S-ro J. Pumr, instruisto, PM kĉl.
**Praha-Vinohrady.** S-ro Jan Mikš, Jičínská 3, I, PM, PI kĉl. krom Polio kaj Aŭstrio.
**Přibyslav u Německého Brodu.** S-ro Jan Vencálek, delegito de UEA, PI bfl, escepte Germanio.
**Přibyslav u Německého Brodu.** S-ro Jan Hintnaus, dentisto, PM, angle, esperante.
**Rochlitz** an der Iser 1. F-ino Else Mück, PI, L kĉl.
**Rochlitz** an der Iser 1. F-ino Helene Schier, oficistino, PI kĉl. bfl.
**Rochlitz** an der Iser 2. S-ro Rudolf Franz, bakisto, PM, PI kĉl.
**Rochlitz** an der Iser 2. S-ro Hans Schier, desegnisto, PI, L pri la tekslako kĉl.

### Ĉinlando.

**Peking.** S-ro Soloklov, poste restante, deziras seriozajn L pri lia artikolo: „Lerneja elektrizo kaj Esperanto".

### Estonio.

**Tallinn.** S-ro Joh. Salman, Vabriku t. 39-18, kun kompostistoj en Ameriko, Brazilio kaj Aŭstralio.
**Voldi.** S-ro Aleksander Muska, Saadjärve k. algkool, deziras korespondi kaj interŝanĝi pri natursciencoj, prefere kun ekstereŭropanoj.

### Germanio.

**Berlin-Südende.** F-ino Marie Laade, Lichterfelder Str. 32, PI, L kun seriozaj gesamideanoj ĉl., ne pli juna ol 25 jaroj.
**Bochum.** S-ro H. Hellwig, Weiherstr. 61, PI kĉl.
**Bochum.** S-ro D. Dallwig, Castroperstr. 238, PI, PM kĉl.
**Breslau** 2. S-ro H. J. Plehn, Bahnhofstr. 21, L pri botaniko.
**Dresden-A.** S-ro Dr. Bernhard Kreyssig, filologo, Permoserstr. 10, III, L, PI.
**Dresden-N.** 23. S-ro Herbert Schmidt, Grossenhainer Str. 147, Eg., PI bfl.
**Dresden-N.** 22. S-ro Rudolf Jannasch, Moltkestr. 43, PI bfl.
**Dresden-N.** 23. F-ino Hildegard Jähne, Riesaer Str. 48, II, PI bfl.
**Dresden-N.** 23. F-ino Erika Menzel, Riesaer Str. 48, II, PI bfl.
**Dresden-N.** 23. F-ino Hildegard Meschke, Grossenhainer Str. 71, Eg., PI bfl.
**Dresden-N.** 23. S-ro Oskar Weitzmann, Wilder-Mann-Str. 40, interŝanĝas aŭ aĉetas per respondkuponoj) Esperanto-lernlibrojn kaj vortarojn en ĉiuj lingvoj. Skribu antaŭe!
**Esslingen a. N.** S-ro Gottlob Roos, inĝeniero, Bismarckstr. 41, I, PM kĉl.
**Esslingen a. N.** S-ro Hermann Saupe, Olgastr. 10, I, PM kĉl.
**Herne.** S-ro Willy Schröter, instruisto, UEA-delegito, Vinckestr. 25, PI kaj L kun socialistoj kĉl.
**Kötzschenbroda** (Saksio). S-ro Johannes Becker, Fürstenhainerstr. 17, L, PI.
**Kötzschenbroda** (Saksio). S-ro Richard Krüger, posedanto de naturscienca instituto Alleestrasse 16, aĉetas tropikajn papiliojn, ŝanĝas PM.
**Pirna a. E.** S-ro P. Glöckner, komercinstruisto, Gartenstr. 32, III, L, PK, gaz.
**Pirna a. E.** S-ro Horst Hieckmann, prokuristo, Neue Str. 8 b, L, PI.
**Pirna a. E.** S-ro Gustav Schmidt, instruisto, Hohestr., L, PI.
**Pirna a. E.** S-ro Bernh. Grossmann, instruisto, Gartenstr. 30, L, PI.
**Pirna a. E.** S-ro Hans Ludwig, instruisto, Postaerstr. 10, L, PI.
**St. Georgen** (Schwarzwald). S-ro Harry Gregory, L, PK, nur kun seriozaj samideanoj pri komercaj tradukoj en angla kaj franca lingvoj; pri modernaj ilarmaŝinoj kaj ebla aĉeto de desegnaĵoj; reciproka perfektigado en la kompreno de anglaj, germanaj kaj francaj gazetoj.

### Hispanio.

**Barcelona.** S-ro Antoni Tomas, fervoja sekretario, Estacion de l' Norte, PI, PM kĉl.
**Barcelona.** S-ro Ramoh Figuerola, oficisto, Guardia Urbana, Casas Consistoriales, PI, PM.
**Gijon** (Asturias). S-ro Emilio Pachees Martiner, Covadonga 23, 2 o dha., literaturajn kaj artajn gazetojn, PI, PM, ankaŭ L esperante france, angle kaj hispane, precipe kun gejunuloj kĉl., ĉiam respondos.
**Sevilla.** S-ino Angela Jimenez Oliver, Quevedo 11, PM kaj fot-aĵoj de mirindaĵoj.

### Hungario.

**Budapest X** (t. e. 10). S-ro Antonio A. Havár, Mádi u. 15 b. I 12, PI, L, papermonon kĉl., laŭdezire sendas PM, certe respondos.
**Szombathely.** S-ro Adalberto Leszler, UEA 20996, Nagyhar u. 14, PI, bfl, L, nepre respondos.
**Szombathely.** S-ro Adalberto Hartmann, Faludi F. 33, PI bfl, L, nepre respondos.

### Italio.

**Firenze.** S-ro Alfred Köcher, tajloro, Via Panicale 3 per Terenzani, L pri tajlorfako, vegetarismo kaj parencaj temoj.
**Potenza.** S-ro Cavuoti Giuseppe, Via Coserma Basilicata, PM, PI.
**Potenza.** S-ro Cesarini Jidia Intendenze di Finanza, nacilingvaj gazetartikoloj pri Esperanto.

### Litovio.

**Wilkija.** S-ro Leižer Berkowiĉas, Kauno apskr. Jurbarko g-vé 104, PM kĉl.
**Wilkija.** S-ro M. Berkoviĉ, Kauno apskr. Jurbarko g-vé 104, PM kĉl.

### Madagaskaro.

**Ambohivanoro** (Tananarivo). S-ro Jean Laurent Andrianasolo, instituteur (instruisto) kaj malgaŝa verkisto, nur seriozan korespondadon pri muziko kaj muziknotoj en itala lingvo kaj en Esperanto. Ankaŭ akceptos propagandilojn por disvastigo de Esperanto.

### Nederlando.

**Amsterdam.** S-ro N. A. Zilver, P. O. B. 1055, PM, helpmono, malakceptas bagatelojn.
**Scheveningen.** S-ro S. J. Evenblij, studento, Badhuisstraat 103, pri geometrio, PM.

### Persio.

**Tabriz.** S-ro Mohammed Nemseĉi, 24 Ŝeŝklan, L, PI germane kaj esperante, nur kun germanaj gejunuloj kaj nur serioze.
**Tabriz.** S-ro Ali-Akber Nemseĉi, delegito de UEA, 24 Ŝeŝklan, korespondas kun fotograf-amatoroj, interŝanĝas fot-aĵojn en formato de poŝtkarto, nur serioze.

### Pollando.

**Janjina.** S-ro A. Marinović, komunuma sekretario, L, PK kĉl.
**Poznán.** S-ro Max Michalski, Mostowa 5 a II, PI bfl kĉl. sen korespondo. Ĉiam respondas.
**Pozarevac.** S-ro Voja Bogdanoviĉ, Ljuborijska 13, PM, PK bfl kĉl.
**Warszawa.** S-ro Michel Bujwid, Tow. Bracia Nobel, PI, L kĉl.

### Portugalio.

**Arcos de Valdevez.** Rua Alex. Herculano 26, PM kĉl., escepte Germanio, Aŭstrio, Hungario, Pollando kaj Ĉeĥoslovakio.

### Sudslavio.

**Novi-Sad.** S-ro Francisko Csauth, Petefijeva (Kazinci) ul. 3, PI bfl kĉl.
**Novi-Sad.** S-ro Andreo Piller, Temerinska ul. 18, PI bfl kĉl.
**Sremske Mitrovice.** S-ro Ĝuro Sabol, Krajiška ul. 98, PI bfl kĉl.
**Sremske Mitrovice.** S-ro Ĝorĝe P. Radovanoviĉ, delegito de UEA, Stare 26, konstantan korespondadon nur kun seriozaj gesamideanoj el tuta mondo, interŝanĝas esperantajn librojn kaj gazetojn per tiuj ĉi tie eldonitaj. Ĉiama kaj tuja respondo.
**Subotica.** S-ro Bela Ŝpitzer, delegito de UEA, PM nur kun seriozaj kolektantoj, PI, bfl, ne sendas unue.

### Svedlando.

**Boras.** S-ro John Sörensen, Ramnas 4, PM kĉl., ankaŭ volonte kun komencantoj, sendu ne malpli ol 50, ĉiam tuj respondas, L pri muziko, speciale popolkantoj.

### Svislando.

**Vallorbe.** F-ino Alice Noguet, 15 rue de la Poste, kun alilandaj protestantaj gesamideanoj pri ĉiuj temoj, precipe Esperanto-movado, esperanta, rusa, pola, hispana literaturoj, religiaj temoj. Nepre respondos.

### Usono.

**Portsmouth** (N. H.). S-ro Alexander Zubkus, 427 Hanover Str., L, PK, PI kĉl.

## Junula korespondado.

**Huddersfield** (Anglujo). Geknaboj de la aĝo 12 ĝis 15 deziras korespondantojn, kiuj korespondos nur per ilustritaj poŝtkartoj. Skribu unue al la instruistino F-ino Morton, Beaumont Street Council School, Huddersfield, Anglujo.



Esperanto-Presejo, Magdeburg-N.